# ESPERANTO



Esperanto-klaso en San Diego (Usono). La instruisto, s-ano Dirk Brink, staras dekstre

**N-ro 608-9 (7-8)** **Julio-Aŭg. 1956**



REVUO INTERNACIA

49a Jaro

# ESPERANTO

Julio-Aŭg. 1956

**Revuo Internacia**

**N-ro 608-9 (7-8)**

## Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

**(En Konsultaj Aranĝoj kun U.N.E.S.C.O)**

*Fondinto:* H. HODLER

* * *

*Honora Redaktoro:* HANS JAKOB

* * *

**Ĉion por la redakcio** *oni sendu al la Redaktoro:* W. AULD
Knockfarril, Thornside Road, Johnstone, Renfrewshire, Skotlando.

* * *

**Ĉion pri administrado** de UEA kaj de la revuo ESPERANTO (abonado, reklamoj, anoncetoj) sendu al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, Eendrachtsweg 7, Rotterdam C, Nederlando.
**Telefono:** Rotterdam 128313. **Ĝirkonto:** 378964.

* * *

**Bankisto de U.E.A.:**
R. Mees & Zoonen, Blaak 10, Rotterdam C.

Traduko kaj represo de artikoloj estas permesataj, kondiĉe ke oni citu la fonton. Oni sendu tian represaĵon al nia redakcio.

**Jara abono (1956):** 7.50 n.gld. (**kun membreco** kaj jarlibro 10 n.gld.)
Ĉefdelegitoj kaj Perantoj en multaj landoj.

* * *

**Tarifo por reklamoj:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 paĝo | 128.— gld | ½ paĝo | 64.— gld |
| ¼ paĝo | 32.— gld | ⅛ paĝo | 16.— gld |

1/16 paĝo 8.— gld

**Anoncetoj pri korespondado:**
0,10 gld por unu vorto aŭ 1 int. respondkupono por ĉiu duo da vortoj.

**Legantoj en 80 landoj**



## ENHAVO

La kongreso en Arnhem. *M. H. Vermaas* . . . 105
Tra la movado . . . 107
Oficialaj informoj de la Akademio . . . 109
Tabela trarigardo pri la Informa Laboro en 1955 . . . 111
La nuna stato de informado pri Esperanto . . . 112
Ĝermoj en rikolto. *John Francis* . . . 114
Morto de Arhimedo. *K. Ĉapek (J. Huda)* . . . 117
Anĉaro. *A. S. Puŝkin (K. Kalocsay)* . . . 118
Komuniko al la membraro . . . 119

*Rubrikoj*

41a U.K. . . . 106
Radio . . . 106
La Internaciaj Konkursoj . . . 113
CED (Donacoj) . . . 113
APO . . . 119
Esperantista vivo kaj Nekrologo . . . 119
Oficiala Informilo . . . 120

# LA KONGRESO EN ARNHEM PRI LA LINGVA DIVERSECO KIEL EŬROPA PROBLEMO

La nederlanda urbo Arnhem ricevis specialan reputacion pro la tiea grandega lukto dum la lasta dummilita aŭtuno. Nuntempe, ĝia progresema kaj pacema urbestraro deziras transformi tiun reputacion kaj doni pozitivan kontribuon al la konstruo de Eŭropo speciale sur kultura kampo. I.a., ĝi venis al ideo, ke devus helpi al unuigo de Eŭropo, se ĝi farus sian urbon dulingva, nome, se ĝi instruus al ĉiu kaj uzus ĉie krom la gepatran lingvon unu alian. Kaj, „pro praktikaj kialoj", ĝi intencis elekti kiel duan la anglan. Tiu propono vekis tiom da komentoj kaj rezistoj — kaj certe ne nur en esperantista medio — ke la urbestraro komprenis, ke tiel facile la problemo ne estos solvebla.

Tial, ĝi decidis, unue organizi lingvokongreson, al kiu estu invititaj ĉiaj eŭropaj eminentuloj havantaj iajn praktikajn aŭ sciencajn rilatojn kun la lingva problemo, por serioze studi kaj diskuti la temon. Tiu kongreso okazis de la 16-a ĝis 19-a de Majo, kiam ĉiuj dum kvar tagoj estis la gastoj de la urbo Arnhem kaj speciale de la „Fondaĵo Arnhem-Eŭropo", kiu iniciatis jam plurajn aliajn kulturajn aranĝojn, kiel ekspoziciojn, interŝanĝojn, „Eŭropan Semajnon" ktp.

La Kongreso okazis en la nova supermoderna konstruaĵo de la Provincestraro. Inaŭguris ĝin la Provincestro kaj prezidis ĝin Prof. J. J. Schokking, nederlandano kaj profesoro pri politikaj sciencoj en Kolonjo. Inter la prelegantoj estis ekspertizistoj pri traduksistemoj, pri moderna lingvoinstruado kaj pri simpligo de naciaj lingvoj, kiel ankaŭ gvidantaj funkciuloj de la Karbo-kaj-Ŝtalo-Komuno, de la Eŭropa Movado, de la S.H.A.P.E., de B.B.C. kaj aliaj. Estis ankaŭ parolanto pri Esperanto, pri Dulingvismo kaj pri Interlingue.

Inter la partoprenantoj estis multaj aliaj aŭtoritatuloj el la menciitaj medioj. En ĉi tiu elektita societo de ĉ. 150 personoj troviĝis ĉ. 20 bonaj konantoj de la Internacia Lingvo Esperanto. Krom Prof. Collinson, kiu estis invitita de la organiza Komitato por prelegi pri Esperanto en la rubriko „Artefaritaj lingvoj kiel solvo", ĉeestis Prof. Lapenna kiel Direktoro de CED, Prof. Prins el Leiden por la Komisiono Esperanto kaj Sociologio, D-do G. F. Makkink por I.S.A.E., D-roj W. Roelofs kaj G. Hamming kiel redaktoroj de Scienca Revuo. Plue, S.ino J. C. Isbrucker, S-ro Andreo Cseh, Mag. S. Pragano kiel docento pri Esperanto en la universitato de Amsterdam, F.ino Burger, eksdirektorino de Harlema liceo kaj profesorino pri franca lingvo, S-ro F. Weeke, redaktoro de Nederlanda Esperantisto, S-ro R. van Spronsen kaj pluraj aliaj, dum ĉeestis subskribinto por U.E.A.



*De maldekstre: Skabeno W. Tak, senora Maria Alfaro de Gil Gravalos, mr. C. W. Frerk, Prof. Ivo Lapenna, Urbestro G. Matser, Sro H. H. Koch, prezidanto de la Fondaĵo Arnhem-Eŭropo.*

La kongresaj lingvoj estis la franca, angla kaj germana. La parolata lingvo estis simultane tradukata en ambaŭ aliajn. La plej multaj parolantoj uzis la francan.

En la unua tago estis bone sentebla ege skeptika sinteno kontraŭ Esperanto kaj evidenta emo ignori ĝin. En la daŭro de tri tagoj tiu sinteno esence ŝanĝiĝis al la kontraŭo, dank'al perfekta, celtrafa, takta kaj scienca interveno de la esperantistoj en la diversaj diskutoj. Malofte en tia medio Esperanto estis pli digne reprezentita kaj pli kompetente defendita. Krom la interveno de la esperantistoj efikis ankaŭ la konstanta praktika funkciado de Esperanto inter la esperantistoj en la koridoroj dum la paŭzoj kaj ĉie ajn, dum aliflanke tre malbone funkciadis la instalaĵo de la simultana tradukado.

Ne eble, mencii ĉi tie ĉies kontribuojn. Prof. Collinson, brita lingvisto ja de internacia reputacio, donis sciencan analizon de la konsisto kaj funkciado de Esperanto kaj donis mallongan sed tre trafan demonstracion pri ĝi pere de publika konversacieto kun Prof. Lapenna.*)

Inter la aliaj prelegoj tre interesa estis tiu de la direktoro de la Informado de la Eŭropa Konsilantaro, S-ro Paul Levy, kiu donis vervan bildon pri la neebla situacio de ĉiam pli da landoj, kiuj postulas uzadon de sia nacia lingvo kaj analizis la sentojn de prestiĝo kaj naciismo, kiuj estas malantaŭ tio. Li varme pledis por uzado de unu sola lingvo kiu ofendu nenies sentojn, sed ne elparolis la lastan konkludon, kiu tiu lingvo devus esti.

Sekvis la prelegojn diskutoj en diversaj grupoj. Estas fakto, ke ĉiuj diskutoj pri la solvo de la problemo, en kiuj oni volis ignori la eblecojn, kiujn prezentas Esperanto, absolute turniĝis en cirklo. Tre trafe intervenis kelkfoje en flua angla aŭ franca lingvo la esperantistaj kompetentuloj. D-do Makkink rakontis spertojn dum sciencistaj kongresoj. Grandaj sciencistoj pri certa specialismo ne havas okazon apud sia esplora laboro ellerni plurajn lingvojn kaj ankaŭ sufiĉe ekzerci ilin. Sekve, malgraŭ traduksistemoj, la lingvaj malfacilaĵoj sentiĝas tre forte dum tiaj kongresoj, precipe

ekster la prelegoj en la personaj kontaktoj. Mag. S. Pragano akcentis en dulingvisma diskuto la mallogikon elekti tiucele la anglan kaj francan surbaze de nombroj da personoj parolantaj tiujn lingvojn. Estas ja facile pruveble ke en kontinenta Eŭropo multege pli da homoj scias uzi la germanan ol la anglan, do tiukaze oni devus elekti la germanan kaj francan. F.ino Burger respondis al rimarko, ke ne estos eble instrui Esperanton, ĉar ĝi estas nenies gepatra lingvo, per konvinka refuto kaj imponis per la deklaro, ke post 30-jara instruado de la franca lingvo kaj post dujara esperantisteco ŝi estas konvinkita ne nur pri la taŭgeco de Esperanto, sed ankaŭ pri ĝia grandega morala valoro pro ĝia supernacieco.

En la fino, kiam ĉiuj diskutoj pri la solvo sur nacilingva bazo restis sen pozitivaj rezultoj aŭ konkludoj, dum aliflanke ĉiuj ĉeestantoj pli malpli konvinkiĝis, ke la internacia lingvo Esperanto estas serioza afero, pri kiu okupiĝas tre seriozaj kaj kompetentaj personoj, la Direktoro de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Internacia Lingvo faris paroladon, en kiu li prilumis la problemon el sociologia vidpunkto kaj korektis plurajn science erarajn asertojn, kiuj facilanime kaj senpripense ripetiĝas en medioj okupiĝantaj pri la demando. Speciale li analizis la veran sencon de la nocioj „artefarita" „vivanta", „universala" k.a.*) Prof. Lapenna finis per propono, ke ĉi tiu kongreso ne finu sian laboron per iu decido aŭ rezolucio, sed ke ĝi estu komenco de plia esplora laboro pri la temo kaj ke tiucele studkomisiono estu formita. Tiu propono estis akceptita. Same, estis akceptita propono de Mag. Pragano pri eksperimento kun traduko de iu ajn faka teksto en plurajn naciajn lingvojn kaj ankaŭ en Esperanton kaj retraduko en la orginalan, por povi kontroli la fidelecon de la tradukoj.

En la ferma kunsido de la Kongreso, post parolado de la Prezidanto, ekstaris S-ro Andreo Cseh kaj ekparolis en klara, simpla Esperanto — sed ne dirante eĉ unu solan vorton pri Esperanto — por esprimi en la nomo de ĉiuj dankon al la Prezidanto, al la Organiza Komitato kaj al la urbo Arnhem pro la malavara akcepto, la granda gastamo kaj la interesa konferenco. Ĉiuj komprenis lin, neniu bezonis tradukon kaj tiu ĉi paroladeto estis la plej perfekta kaj digna propagando por la Internacia lingvo.

Por la Movado, la grava rezulto de tiu ĉi kongreso estis, ke granda nombro da personoj okupantaj ŝlosilpoziciojn en la estiĝanta Eŭropo, povis senpere konstati kio estas Esperanto, kiuj okupiĝas pri ĝi, kiel ĝi funkcias kaj kiaj estas ĝiaj eblecoj kaj perspektivoj. Al ni mem ĝi instruu unu plian fojon, ke nur kiam defendas Esperanton en la ĝustaj momentoj la ĝustaj personoj en la ĝustaj lokoj, ĝi estas respektata kaj konsiderata serioza afero. Fakto, cetere, kiu koncernas ne nur Esperanton, sed ĉiun seriozan aferon en la vivo.

*M. H. VERMAAS*

*) En unu el la sekvantaj numeroj de nia revuo ni esperas publikigi la paroladojn de Prof. Collinson kaj Prof. Lapenna.




## OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 8 Junio 1956

**Adreso:** 41a Universala Kongreso de Esperanto, Kopenhago, Danlando.

**Banko:** Handelsbanken, Kopenhago, Danlando.

**Poŝtĝirkonto:** 41-a Universala Kongreso de Esperanto, n-ro 97820, Kopenhago, Danlando.

**Novaj Fakkunvenoj:** Krom la anoncitaj, okazos dum la 41-a Universala Kongreso la jenaj fakkunvenoj:

Framasonoj, s-ro Holger Starke, Lykkesholmsalle 31, Kopenhago V, Danlando.

Internacia Federacio Esperantista Fervojista, ĉe s-ro J. Lok, Orteliusstraat 108/III, Amsterdam (W), Nederlando.

Socialdemokratoj, ĉe s-ro Aage Bense, Sandbygaardvej 34, Kopenhago Brh., Danlando.

**Vestaĵoj:** Por la oficialaj manifestacioj de la Universala Kongreso LKK petas kunporti konvenajn vestaĵojn kaj folklorajn kostumojn.

**Komunikoj:** La nuna estas la lasta Oficiala Komuniko.

**Akceptoj:** Limigita nombro da kongresanoj povas viziti:
La reĝan porcelanan fabrikon
La ĉefsidejon de la koopera movado
Meblofabrikon.

**Abonantoj:** Esperantistoj, kiuj ne aliĝis al la Universala Kongreso tamen povas ricevi la kongresajn dokumentojn (1-an kaj 2-an bultenojn, kongresan libron kaj insignon kaj specialan „abonantan" karton) paginte la sumon de d.kr. 15,— al U.K.

**Lasta rekomendo:** Ek de via foriro de viaj hejmoj vi estas kongresanoj. Bonvolu ĉiam kaj ĉie paroli en Esperanto kaj alte teni la prestiĝon de la movado.

**Statistiko:** (ĝis fino de majo) Alĝerio 2, Argentino 1, Aŭstralio 5, Aŭstrujo 18, Belgujo 13, Brazilo 3, Britujo 156, Bulgarujo 3, Ĉeĥoslovakujo 2, Danlando 363, Finnlando 107, Francujo 172, Germanujo 182, Grekujo 3, Hispanujo 11, Islando 24, Izraelo 2, Italujo 126, Japanujo 2, Jugoslavio 99, Kanariaj Insuloj 1, Kanado 2, Kongo Belga 2, Maroko 15, Meksikio 1, Nederlando 140, Norda Rodezio 1, Norvegujo 107, Novzelando 3, Portugalujo 2, Rumanujo 1, Saarlando 1, Sovetunio 1, Svedujo 368, Svisujo 25, Turkujo 2, Usono 15, Venezuelo 2, Sumo: 1983 el 38 landoj (pasintjare 1494 el 34 landoj).

Ĝis revido en Kopenhago!

**Gian Carlo Fighiera**
Konstanta Kongresa Sekretario.

## RADIO

Ĉiujn informojn pri radio sendu al S-ro G. Larglantier, 29 Bd. Murat, PARIS 16, Francujo.

*Por ondlongoj kaj horoj de la dissendoj, vidu la junian numeron, p. 104.*



**Radio Roma:**
4.VII. Mondo Esperantista; 6.VII. Somero; 11.VII. Novaĵoj el Italujo; 13.VII. Leterkesto kaj bibliografio; 18.VII. Nia gazeto; 20.VII. Itala belarta urbo Torino; 25.VII. la vojo de la Dolomitoj; 27.VII. Itala libro esperantlingve tradukita: „La floretoj de Sankta Francisko".

# Tra la Movado




*Nia sindone laborema s-ano Pedro Real, esperantisto de nur kvar jaroj, raportas interalie pri ok kursoj, kiujn li gvidis en sia urbo Uniao da Vittoria, Parana, Brazilo, inter majo 1953 kaj novembro 1955. Supre ni vidas lin (5a de maldekstre) kun la anoj de lia sepa kurso. La fervoro de s-ano Real donas al ni ekzemplon kaj instigon!*



*En konata ĉeĥoslovaka banurbo Karlovy Vary fondiĝis Esperanto-rondo. Revekiĝo de nia afero okazis dum ekskurso aranĝita de gesamideanoj el Praha, tiel sukcesa, ke ĝi fariĝis kongreseto kun 65 ĉeestantoj. Sur nia bildo ni vidas interalie: D-ro Tomaŝ Pumpr (4a de maldekstre); Vlad. Horak, prezidanto de la fondita rondo (5a d.m.); Jaroslav Ŝustr, prezidanto de la praha klubo (6a d.m.); kaj Vuk Echtner.*



*Parto de la ekspozicio aranĝita de „Esperanto-grupo ZET" (vd. sub Jugoslavio).*

## Hungarujo

Multaj aŭskultis la disaŭdigon de la budapesta radio la 19an de februaro, kiam oni donis eblecon rektifiki la neĝustan deklaron pri Esperanto en decembro. S-ano P. *Balkanyi* parolis pri uzebleco kaj disvastigo de la lingvo, pri ĝiaj esprimkapablo kaj literaturo kreskanta, pri rekono per Unesko, pri UEA en 80 landoj. Li finis per la deklaro, ke *nur tiu rajtas kritiki, kiu mem ellernis kaj praktike uzis la lingvon.* La respondinta lingvisto ne scias la lingvon, li rekonis la praktikan uzeblecon kaj la tradukon de mondliteraturaj verkoj, sed denove rifuzis, ke ĝi povas konkuri kun la miljaraĝaj naciaj lingvoj kaj redoni ties milionojn da nuancoj. Li fine diris, ke tio estas nur lia privata opinio. La diskutgvidanto de la radio per rekono, ke Esperanto povas praktike utili, finis la aferon. Menciinde estas, ke en la urbeto Vasvár s-ano d-ro Jozefo *Kondor* instigis la lokajn kulturinstancojn aŭskulti tiun disaŭdigon eĉ per la surstrata laŭtparolilo.

En uzina gazeto *Megafon* de la granda budapesta fabriko Beloiannis aperis artikoleto de s-ano A. *Khek* pri liaj spertoj en Bulgarujo, Jugoslavio kaj Ĉinujo, kie kiel faklaboristo li povis per helpo de Esperanto kunhelpi ĉe diversaj muntadoj. En Ĉinujo eĉ necesis du interpretistoj, ĉar la kantona ne komprenis rekte tiun de la pekinga. Sed liaj aliaj lingvoscioj, la angla kaj germana, nenion helpis. Esperanto estis la ponto — kiel li skribas — kiu ebligis lin iri trans la malfacilaĵoj.

## Jugoslavio

Esperanto-grupo ZET, la plej juna filio de Kroatia Esperanto-Ligo, aranĝis pasintan aŭtunon tritagan esperanto-ekspozicion. La ekspozicio, per apartaj tabuloj, prezentis la movadon ekde ĝia ekesto ĝis la montevidea rezolucio kaj ankaŭ praktikan aplikon de Esperanto en la vivo. La ekspozicio, situita en la sindikata biblioteko de la entrepreno, altiris pli ol 500 vizitantojn. Ĉe la ekspozicio evidentiĝis kunligo de la grupeto (26 anoj) kun 30 landoj, kaj inter tiuj kun 9 diversaj samfakaj kolektivoj (Göteborg, Stockholm, Bremen, Köln, Berlin, Marseille, Praha, Budapest, Riga).

La grupeto intencas tiun ligon ankoraŭ plivastigi, kaj ekpuŝi — se bezone, eĉ mem transpreni — la taskon formi internacian Esperanto-organizaĵon de tramistoj. Tiucele estas vokataj ĉiuj trafikistoj en la publika enurba trafiko (tramo, trolejbuso kaj aŭtobuso), anonci sin al tiu grupo, por ke oni entreprenu necesajn laborojn por fondo de internacia unuiĝo de tramistoj-esperantistoj. La celo de tiu entrepreno estus interŝanĝi spertojn kaj konsilojn el la faka kaj sindikata vivoj kaj tiel plifirmigi siajn poziciojn, kaj al la kamaradoj montri la valoron de Esperanto en la praktiko. Skribu al: Esperanto-grupo ZET, (Zvanko Rehoric). R. Končara 239, ZAGREB V, Jugoslavio.

## Nia kovrilo 1957

*Principe ni ŝatus havi por ĉiu jarkolekto de ESPERANTO novan kovril-desegnaĵon. Tiucele ni petas niajn pentrartistojn kaj aliajn desegnemulojn proponi al ni projektojn por nia kovrilo 1957. Pro la kostoj, estus preferinde uzi por tio nur du kolorojn maksimume. Projektojn sendu al nia redakcio antaŭ la 15a de oktobro 1956. Antaŭdankon!*

## Scienca kunlaboro pere de Esperanto

En j. 1953 dro Marek Waysblum iris al Islando delegite de UEA por instrui kaj propagandi Lingvon Internacian. Dro Waysblum estas historiisto kaj dum sia estado en Islando li interalie prelegis pri kulturaj rilatoj inter Islando kaj Polujo. S-ano Baldur Ragnarsson, juna poeto Esperanta, tradukis tiujn prelegojn en islandan lingvon kaj en j. 1955 ili aperis en la literatura jarlibro „Skirnir" (Reykjavik), s.t. „Islandaj eĥoj en Pollando tra mil jaroj". La eseo vekis tian intereson, ke la ĵurnalo „Visir", taĝĵurnalo aperanta en Reykjavik, represis ties plenan tekston en nroj 59, 61, 63, 65 k. 67 (9—12-a Marto, 1956).

Kompreneble, en ambaŭ kazoj estas klare montrite, ke la eseo estas traduko el Esperanto. Nun dro Waysblum, en kunlaboro kun S-ano Baldur Ragnarsson, preparas alian studon el historio de Islanda kulturo aperontan samtempe en lingvoj angla kaj islanda.

## Hispana revuo utiligas Esperanton

La direktoro-posedanto, S-ro Juan Blanch, de la grava monata revuo teknika „LA GOMA" („La Gumo"), aperanta en Barcelona (Hispanujo), spontanee inaŭguris antaŭ kelkaj monatoj, Esperanto-Fakon, gvidatan de nia Esperanto-veterano S-ro Rafael Gisbert, inde okupantan plej bonan lokon inter la paĝoj de la revuo, kun amplekso vere kontentiga: tri paĝoj de granda formato. La enhavo estas elstara; plejparte, verkaĵoj de Prof. D-ro Ivo Lapenna. Ĝi aperas en Esperanto kaj en hispana lingvo. La direktoro-posedanto aĉetis Esperantajn litertipojn. Nur la sciigoj pri la Esperanto-movado aperas en lingvo hispana sen traduka parto.

La revuo rilatas al plastaĵaj aferoj, industriaj kaj komercaj, kaj nun estus okazo ke ties esperantistaj teknikistoj verku teknikajn artikolojn en Esperanto, por elpruvi la taŭgecon de Esperanto kaj la kapablecon de la esperantista teknikistaro. Eble iuj firmaoj interesiĝus pri la anoncado de siaj produktoj sur la revuo „LA GOMA", kaj estus bona agado por la E-movado, ke iuj samideanoj studus la aferon kaj sin dediĉus al la varbado de anoncoj, pro kio, kompreneble, la revuo pagos la koncernan makleron.

Pri tio supremenciita, bonvolu skribi al la Faka-gvidanto, S-ro Rafael Gisbert, Avenida Generalisimo Franco, 338, 20, 2a, Barcelona (13), Hispanio.

## Konsilantaro de Eŭropo

Profitante el la scio, ke Parlamentanoj David T. Jones (The Hartlepools) kaj George M. Thomson (Dundee East) favore — eĉ fervore — laboris en Strasburgo por la sukceso de la rezolucio pri eksperimenta enkonduko de Esperanto en kvin lernejojn en kvin Eŭropaj landoj, la Londona Esperanta Klubo invitis la du sinjorojn paroli pri siaj klopodoj kaj tiucele aranĝis kunvenon en la Royal Hotel, Woburn Place.

La klubanoj alkondukis siajn ne-Esperantistajn geamikojn kaj la kunvenejo estis plenplena. Ambaŭ Parlamentanoj parolis amike, elokvente kaj sincere kaj post klarigo de la okazintaĵoj Parlamentano Jones donis valoran konsilon pri estonta agado.

John Leslie, la Sekretario de B.E.A., aldonis iujn tre trafajn komentojn, S-ro Durrant parolis pri ekspluatado de la afero en klerigaj rondoj, kaj S-ro Oliver, Prezidanto de B.E.A., per bone elektitaj vortoj, dankis al Parlamentanojn. S-ro Gething, Prezidanto de la Londona Klubo, bonhumore kaj efike prezidis kaj instigis la ĉeestantojn al agado. Laŭ ĝenerala konsento la kunveno estis granda sukceso.

## Ekspozicio en Cremona (Italujo)



*De la 18a de marto ĝis la 12a de aprilo, en la Palaco de Arto, Cremona, okazis Internacia Ekspozicio de Infandesegnaĵoj, kiu havis vere imponan efikon sur instruistoj, aŭtoritatuloj kaj publiko en la regiono. Pere de Esperanto oni ricevis preskaŭ 60 desegnojn kaj pentraĵojn el 22 landoj. Samtempe oni aranĝis interesan Esperanto-ekspozicion, kiu tre bone impresis la vizitantojn. La ekspozicion vizitis preskaŭ 10,000 personoj de la urbo kaj provinco, kaj al ili oni disdonis propagandajn flugfoliojn. Dum speciala instruista kunveno oni disdonis la de UEA ĵus eldonitan seslingvan flugfolion.*

*Nia bildo montras la grandan terason de la Palaco, kie aŭtoritatuloj atendas por solene malfermi la ekspozicion. De maldekstre: Prof. D-ro Canuto, Rektoro de la Universitato en Parma kaj Prez. de I.E.F.; Prof. Dokt. Scaglia, Subministro de Publika Instruado; Prof. Dokt. Lombardi, Urbestro de Cremona; D-ro Dal Cortivo, Provincestro.*

## La Universala Ekspozicio

*Okaze de la Universala Kongreso en Kopenhago la Universala Ekspozicio estos aranĝita de la 1-a ĝis la 14a de aŭgusto en la dana ĉefurbo, kio ebligos al ĉiuj kongresanoj vidi la ekspozicion.*

*Por ke la ekspozicio estu kiel eble plej kompleta, ni varme petas la legantojn sendi tuj al la ekspozicio ĉion gravan, (librojn, revuojn k.s.), kio aperis en Esperanto aŭ pri ĝi post aŭgusto 1954, kaj kio laŭ via scio ne estas jam sendita al la ekspozicia aranĝo en Strasbourg. Bonvolu sendi la materialon al la adreso de subskribinto: Viggo Rothesvej 40, Charlottenlund, Kopenhago, Danlando.*

*Ni dankas al ĉiuj anticipe.*

*ESKIL SVANE*

*(Komisiito de C.E.D. por la Universala Ekspozicio)*

## *Populara kantisto aldonis al sia repertuaro kanzonojn en Esperanto*

Hugo Moyano Vargas estas tre populara kantisto de kanzonoj en Rosario, grava urbo de Argentino. Ĉiusemajne li kantas ĉe la mikrofonoj de L.T. 8 Radio Rosario.

Simpatiante al Esperanto li aldonis al sia radia repertuaro kanzonojn en la Internacia Lingvo, kiuj estas tradukitaj el la nacia lingvo de la lokaj esperantistoj.



Hugo Moyano Vargas mem petis ke tiuj kanzonoj estu nepre popularaj kaj ĉie kantataj ĉar tiel estas pli rimarkebla por la aŭskultantoj la taŭgeco de Esperanto.

Krome Rosaria Esperanto-Asocio anoncigis en tiuj elsendoj ke ĝi sendos al ĉiuj petantoj la kolekton de la kanzonoj en Esperanto.

Ankaŭ oni devas mencii ke S-ro Hugo Moyano Vargas estas la Direktoro de tiu radiostacio kaj de la komenco de la monato Majo, almenaŭ unufoje semajne, li aranĝos ke oni faru specialan radioelsendon kun la nomo „Kio okazas en la mondo de Esperanto?", kiu konsistos el la plej gravaj novaĵoj pri nia Movado.

### Skandinavianoj atentu!

*La „Kongreslanda Branĉo" de la BELARTA KONKURSO ĝis nun ne montras la atendeblan intereson. Tial ni plilongigas la limtempon ĝis la 14-a de julio, 1956. La konkursantoj devas traduki en poezia formo la 6-strofan danan poemon de Emil Aarestrup: Jorden en Esperanton.*

*La konkursaĵojn oni sendu en 6 ekzempleroj al s-ro K. Lawrence, 244 Quinton Rd Birmingham 17. (Anglujo) sub pseŭdonimo (kaj kun la vera nomo en koverto).*

*Prijuĝantoj de tiu ĉi branĉo estas H. E. Jensen (Toustrop), Poul Thorsen (Kopenhago) kaj E. Windeballe (Odense).*

*D-ro F. Szilágyi*
*sekretario de Belarta Konkurso 1956.*

## *Teknikista praktikado en Svedujo*

En la movado esperantista ni ofte substrekas la signifon de praktika uzo de nia lingvo. Ni scias, ke nur laŭ tiu vojo ni povas sukcese veki atenton kaj respekton por nia laboro. Necesas hodiaŭ trovi rekonon ĉe gravaj aŭtoritatoj, precipe ĉe societoj, lernejoj kaj aliaj oficialaj instancoj, kiuj zorgas pri edukado de la junularo. Kiam oni estas juna esperantisto stariĝas — tute prave — la demando: Kiel kaj kiam mi povas praktike uzi Esperanton kaj per ĝi akceli mian profesian evoluadon?

Aliloke en tiu ĉi numero vi trovas anoncon pri teknika praktikado en Svedujo. Jen interesa kaj esperiga sciigo por junuloj, kiuj studas ĉe teknikaj altlernejoj aŭ gimnazioj. Unu el la gravaj svedaj industrioj povas ebligi ferian praktikadon dum du monatoj (eventuale pli longe) por junaj teknikstudentoj, estontaj inĝenieroj de la maŝinteknika industrio.

Ni esperas, ke inter nia junularo troviĝas maŝinteknikaj studentoj, kiuj nun kaptas la okazon eluzi la inviton de la koncerna sveda entrepreno. Ni petas instruistojn de teknikaj lernejoj atentigi studentojn/samideanojn pri la afero. Same kluboj, landaj esp.-organoj kaj unuopaj esperantistoj estas petataj bone konigi la enhavon de la anonco.

Bonvolu direkti vian respondon al nia redakcio. Ni kontaktos la lokan societon esperantistan en Svedujo, kie oni havas intiman rilaton al la koncerna aŭtomobilfabriko, ĉe kies motorfabriko oni estas preta akcepti praktikantojn. Ni ankaŭ povas mencii, ke tiu fabriko inkludas tre modernan fandejon kun plena metalurgia laboratorio, propran lernejon por metia instruado al junuloj, instruejon por moderna teknika metodiko k.t.p.

Kun intereso ni konstatas, ke en Svedujo la aktiveco de niaj samideanoj montras, ke oni provas vojojn, kiuj povas konduki al praktika rezulto. Ni promesas reveni kun raporto pri la aktuala provo sur nova kampo, kie oni ĝis nun ne multe uzis la servojn de niaj movado kaj lingvo.

### Viglaj preparoj de IKUE en Zaragoza

Laŭ la perspektivoj ŝajnas, ke la 26a Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista en Zaragoza (Hispanujo) de la 20a ĝis la 24a de julio, estos tre sukcesa manifestacio. Ĝi ricevas favoran subtenon de la katolikaj aŭtoritatoj, kaj aliĝoj alfluadas. Okaze de la Kongreso, oni eldonis glumarkojn, kaj serion da poŝtkartoj, kaj la Hispana Administracio de la Poŝto decidis kontribui al la brilo de la Kongreso per speciala poŝtstampo.

La lasta kunveno de la hispana sekcio de la movado „Pax Christi", okazinta en Madrid, prenis diversajn gravajn decidojn favore al Esperanto kiel ilo por la Paco. Oni starigis esperantistan sekretariejon, pere de kiu oni stimulos la studadon de nia lingvo kaj ĝian uzadon. Oni decidis saluti la proksiman kunvenon de membroj de „Pax Christi" kiu okazos en Zaragoza, en la kadro de la IKUE-kongreso, kaj sendi tien oficialajn reprezentantojn.

Esperanto estis akceptata kiel oficiala lingvo por la Internacia Kongreso de „Pax Christi", kiu okazos dum septembro en Valladolid, Hispanujo. Sekve de tio oni eldonos la programojn de „Vojoj al la Paco" kaj la turisman propagandon, en Esperanto.

---

AKADEMIO DE ESPERANTO
*Adreso: Oostduinlaan 32,*
*Hago, Nederlando*

## *Oficialaj Informoj de la Akademio de Esperanto*

(N-ro 22 — Marto 1956)

DEKLARO DE LA AKADEMIO PRI ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO

LA AKADEMIO DE ESPERANTO,

Kontrolinte la vortaron aperintan en 1955 en Meksiko sub la titolo „Ilustrita Vortaro de Esperanto, Unua volumo", kaj sub la nomo de FRANCISKO AZORIN;

Konstatinte, ke la aŭtoro

1 arbitre enkondukis formojn novajn kaj senprecedencajn por anstataŭigi multajn radikojn de la Fundamento kaj de la Oficialaj Aldonoj;

2 donis al kelkaj fundamentaj radikoj novajn kaj konfuzajn neniam aprobitajn signifojn;

3 distranĉis memstarajn fundamentajn aŭ oficialajn radikojn en radikerojn kaj afiksojn, kiujn li mem elforĝis aŭ provizis per ĝis nun ne konataj sencoj;

Deklaras, ke tiu vortaro atencas al la netuŝebla Fundamento de la lingvo kaj al la tradicio registrita en la Oficialaj Aldonoj, sekve ke ĝi ne prezentas la veran staton de Esperanto;

Avertas la Esperantistojn, ke tiu vortaro povus nur semi konfuzon kaj malordon en la uzado kaj tiel grave malutili al la unueco de la lingvo;

Atentigas anticipe, ke la kritikaj konkludoj, kiujn kelkaj personoj eble faros pri Esperanto surbaze de tiu vortaro, estos senvaloraj, ĉar ili neniel koncernos la veran Esperantan lingvon.

Ir. J. R. G. ISBRUCKER
Prezidanto.

## Ĉeĥa dramo „Mariŝa" prezentita esperantlingve en Praha

La dramo *Mariŝa,* de fratoj Mrŝtik, aperis en 1894. Ĝi apartenas nun al la trezoro de la ĉeĥa klasika teatro. Ĝia sceno estas sud-moravia vilaĝo, la rolantoj parolas tiean dialekton, temas pri situacioj, kiuj tiam estis samtempaj. La ofte prezentata konflikto pri gepatroj, kiuj altrudis al sia filino fianĉon neamatan, estas en tiu ĉi verko donita en konciza formo, kiu stimulas tragikan emocion ĉe spektanto. Arta gvidantino de la „Verda ĉaro de Julio Baghy", *Eva Suchardová,* volis pruvi, ke ankaŭ dialekte verkitajn teatraĵojn oni povas sukcese traduki, kaj prezentis tiun ĉi dramon kiel solenan vesperon honore al Zamenhof, la 11an de aprilo 1956 en Praha, en teatro *„Mala scena".* La teksto de la verko postulas por prezento multajn personojn, ŝtatistojn kaj senparolan ludantaron. Tial reĝisoro *Antoni Seeman* adaptis la tekston por eblecoj de la „Verda Ĉaro" tiel, ke rolas sole ses personoj. La prezentado tre sukcesis. Suchardova uzis en sia traduko simplan lingvajon kaj tamen sukcesis imiti dialektajn apartecojn. Sur la scenejo sonis lingvo agrabla, kun ĝuo aŭskultata. Ankaŭ la adapto de la reĝisoro estis tre laŭcela. La tragika efiko de la konflikto eĉ pli reliefiĝas pro ellaso de kromaj figuroj. *Suchardová* prezentis *Mariŝan.* Ni vidis junan filinon baraktintan vane por sia amo, kaj poste edzinon pelitan al murdo de malforta kaj kruela edzo. Impreso tremiga. Ŝian patron ludis *Seeman,* patrinon *Rejthárková,* amaton *Pastor,* edzon *Sádlo,* onklinon *Riháčková.* La publiko (160 personoj en teatro kun 300 seĝoj) aŭskultis la kvar aktojn kun streĉa atento. Oni vidis kaj aŭdis arton. La aŭskultantaro sentis sin tribunalo, de kiu estis postulata verdikto kontraŭ mon-avideco. Jam ne temis pri propagando de Esperanto. Temis pri ideo de la dramverkinto. Tial ni opinias grave, ke tiu ĉi teatro-prezentado estu enskribita ankaŭ tie ĉi. Ĝi estis faro pionira.

*S. K.*

---

## LA KVINA JARO DE LA KULTURDOMO

Male de aliaj planlingvoj nur surpaperaj, Esperanto havas kiel plej grandan forton la ekziston de tre nombraj praktikantoj kaj de diversaj utilaj Centroj kaj organizaĵoj.

Inter la konstantaj institucioj valoregaj por nia afero, ni citu la Someran Universitaton, la Muzeon en Vieno, la U.E.A.-servojn, la Universalan Ligon, k.t.p.... Kelkfoje iuj samideanoj havis brilan ideon pri organizo de Esperanta Centro aŭ servo sed mankis la mono aŭ la obstinemo de la gvidanto aŭ la fido de la samideanaro. Kiam la francaj samideanoj decidis fondi kooperativon por aĉeto de kastelo fariĝonta konstanta Kulturdomo, multaj dubis pri la sukceso. Ĉu la afero daŭros?

La franca Kulturdomo, malfermita dum Julio 1952, senĉese de tiam aranĝis somerajn restadojn kaj nun, por la kvina fojo, la someraj aranĝoj prepariĝas. Intertempe la meblaro de la ĉambroj, la instalaĵoj en la Kastelo pliboniĝis kaj la financa stato plifirmiĝis. Nia eminenta amiko D-ro Lapenna, kiu vizitis la Kastelon lastjare, estis bonege impresita kaj promesis sian apogon.

Kelkaj dubuloj diris: Vi ja bone faris, vi aĉetis belan bienon kaj ĉiujare organizas internaciajn renkontiĝojn. Sed, kial do vi ne aĉetis ejon tute apud Parizo? La respondo estas simpla: Per la kapitalo kolektita, kiu sufiĉis por la aĉeto de kastelo en la provinco, oni estus povinta aĉeti nur dometon aŭ apartamenton en la Pariza regiono. Plue, la financa plibonigo de la afero estas ebla nur en provinco kie la vivrimedoj estas favoraj. Male en Parizo la afero certe estus deficita.

Sed la franca Kulturdomo povos daŭre prosperi nur se venos al ĝi pli kaj pli da nefrancaj samideanoj. Nur ili povas doni al la Kulturdomo la internacian spiriton kiun ĝi bezonas. Multfoje la eksperimento estis farita: ekzemple, se tridek samlandaj samideanoj estas kune, malgraŭ la admonoj de la gvidantoj, ili parolas la nacian lingvon; sed se estas inter ili nur deko da eksterlandaj esperantistoj sufiĉe parolemaj, ĉiuj parolas en Esperanto. Speciala avantaĝo de la franca Kulturdomo por la eksterlandanoj estas, ke per restado de du aŭ tri semajnoj kun prezo tute modera (cetere ne trovebla en hoteloj), ili povas kompreni la francan spiriton kaj samtempe, se ili tion deziras, ekskursi ĉe historioplena regiono de Loire valo.

Tiun ĉi jaron, oni faris unu paŝon pli. Ĉar diverslandaj samideanoj havas intereson por la franca lingvo, oni decidis aranĝi tempon dusemajnan por la perfektigo de lernantoj de franca lingvo pere de Esperanto. La latineca karaktero de la internacia lingvo ebligas tiun peradon. Esperanto estas oportuna ŝtupo al la franca lingvo ĉefe por Germanoj, Skandinavoj aŭ Slavoj. Ankoraŭ estis grumbluloj kiuj miris: ĉu lerni nacian lingvon pere de nia kara internacia lingvo... fi! Ŝajnas al mi, ke oni povas esti ĝiskore konvinkita samideano kaj tamen ne miskonsideri la lernadon de naciaj lingvoj, tamen utilaj kaj konservantaj intereson rilate al literaturo aŭ al praktikaj celoj.

La restado dum Aŭgusto 1956 en la Kulturdomo konsistos el du partoj. Unue estos interesa kultura prelegaro de nia nederlanda amiko S-ro DE WAARD kun temo de studado *„Esperanto sesdekjara".* Poste venos kursoj de Esperanto unu kaj du-gradaj ĝis la komenco de Septembro.

Mi do ripetas: la Kulturdomo, en bela Kastelo nun sufiĉe komforta, kun bela parko, kun naĝejo, infanĝardeno kaj diversaj ludoj, kun sana kampara nutrado estas tute rekomendinda loko por ferioj de ĉiulandaj samideanoj. Al tiuj kiuj volas kontribui al plua sukceso de la afero, mi simple diras: skribu por peti informojn kaj decidiĝu, vi ne bedaŭros!

*R. WATIER*
deleg. de U.E.A.

*Noto: La Kulturdomo situas en Baugé, norde de valo Loire, inter urboj ANGERS kaj LE MANS. Komfortaj vagonaro kaj relbuso veturas el Parizo ĝis Baugé en 4 horoj. Pri informoj, sin turnu al:*

*La Prezidanto de la Kulturdomo*
*Kastelo de Grésillon*
*Baugé — M. et L. — Francujo*

---

## Ĉe leningradaj esperantistoj

Pri grandega intereso al Esperanto en rondoj de sovetia junularo kaj inteligentularo atestas jena fakto.

La 13an de aprilo en leningrada centra prelegejo de la tutlanda asocio por disvastigo de politikaj kaj sciencaj konoj okazis publika lekcio de profesoro *E. A. Bokarev* (Moskvo): *„Nuntempa stato de la demando pri internacia lingvo (Esperanto)".* La antaŭan tagon en ĉefa leningrada ĵurnalo *Leningradskaja pravda* (Leningrada vero) estis presita anonco pri la prelego. Dum tri tagoj oni disaŭdigadis la anoncon ankaŭ per leningrada radio.

Salonego estis plenplena kaj amaso da homoj vane atendis en vestiblo, ne ricevinte biletojn. Ĉeestis la prelegon ĉirkaŭ 300 homoj.

La lektoro ricevis tutan monton da skribdemandoj. La ĉefa demando estis — kie kaj kiel oni povas ellerni la lingvon. Intereso pri Esperanto akriĝis precipe pro la estonta Tutmonda Junularfestivalo en Moskvo 1957.

Varmegajn aplaŭdojn ricevis ankaŭ samideano N. D. Andreev, kiu bonege tralegis ion el *„Eŭgeno Onegin"* de *Puŝkin* kaj el aliaj verkoj en esperantaj tradukoj.

Multaj aŭskultantoj esprimis deziron partopreni agadon de la Esperanto-sekcio de la *Domo de kulturo (Leningrad, Kirovskij pr. d. 42).* Tiu sekcio estas nun la tuturba centro de esperanto-laboro en Leningrad.

Mi esperas, ke en la vicojn de UEA baldaŭ verŝiĝos nova multnombra taĉmento de sovetiaj esperantistoj, kiuj aldonos al sia laboro en MEM *(Mondpaca Esperantista Movado)* partoprenon en ankaŭ gravega kaj fruktodona agado de nia universala kaj neŭtrala Esperanto-Asocio.

**B. TOLL**
Membro de UEA.

## TABELA TRARIGARDO pri la INFORMA LABORO en 1955

| Landa asocio aŭ lando | Adreso de la Informa fako | Nombro de artikoloj | Nombro de informoj | Prelegoj Nombro | Prelegoj Ĉeestintoj | Radioprelegoj pri E. | Ekspozicioj Nombro | Ekspozicioj Ĉeestintoj | Disdonitaj afiŝoj, flugfolioj, broŝuroj | Ĉu interesiĝo pri Esp. kreskis |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentina | Hugo A. Lingua, La Paz 1032, Dpto 3 (R-44) Rosario, Argentino | 49 | 471 | 8 | 500 | 52 | 8 | 4.200 | 8500 | Tre kreskis |
| Belga (Franca parto) | Esperanto-Office, 18 Rue de Franquenies, Ottignies (Brabant) | 173 | 200 | — | — | — | — | — | — | Konsiderinde kreskis |
| Belga (Flandra parto) | G. Martens, Pr. Leopoldstraat 51, Sint Kruis | 16 | 63 | Neniu | Neniu | 0 | Neniu | | 226 | Kreskis |
| Brazila | Prof. Carlos Domingues, Rua Alvaro Alvim 27, Rio de Janeiro | 150 | 2800 | 90 | 6.000 | 350 | 8 | 30.000 | 23.300 | Treege kreskis |
| Brita | B.E.A., 140, Holland Park Avenue, London W.11. | 779 | ? | Ne donis informojn | | | | | — | — |
| Dana | Willy Nielsen, Saxesagde 23, Åkirbeb | 200 | 300 | 2 | 140 | 2 | Neniu | | 4.000 | Kreskis |
| Finna | S-ro Kinosmaa, Appollonkatu 1 C 28, Helsinki | 5 | ? | 3 | 400 | 1 | Neniu | | 500 | Kreskis |
| Franca | U.E.F., 34 Rue de Chabrol, Paris X | 200 | 500 | 50 | 2500 | 100 | 10 | 1.000 | 5.000 | Komencas kreski |
| Germana | EGS, Sro M. Schumacher, Fehrbellinerstr. 5, Köln-Weidenpesch | 395 | 343 | (?) 50 | ? | 14 | Mankas statistiko | | 15.000 | Kreskis |
| Hispana | Dro R. Herrero, Calvo Sotelo 11, Valencia | 30 | 450 | — | — | 100 | 1 | 10.000 | (?) 1.000 | Kreskis |
| Hungara | E. Verö, Budapest XIII, Gömbu. 57 | 6 | 18 | 8 | 500 | 2 | 3 | 600 | 600 | Kreskis |
| Itala | Informa Oficejo de I.E.F., cas. postale 248, Torino | 200 | 850 | 120 | 6.000 | (?) 50 | 10 | ? | 4.000 | Treege kreskis |
| Jugos'avia | M. Gjivoje, Zveza Esperantistov Slovenije, Poštni predal 275, Ljubljana | 550 | 400 | 38 | 6.000 | 130 | 5 | 11.000 | 6.000 | Kreskis |
| Kanada | W. D. B. Hackett, 362 Soudan Ave, Toronto | 10 | 15 | 3 | 100 | 3 | — | — | 200 | Iom kreskis |
| Nederlanda | Sro Jac. Blokker, Bronsteeweg 26, Heemstede | 200 | 150 | 40 | 800 | — | 10 | ? | 14.000 | Iom kreskis |
| Norvega | Sro K. G. Sellin, Box 15, Oslo-Blindern | 100 | 833 | 13 | 760 | 5 | 1 | ? | 5.000 | Iom kreskis |
| Rodezia | Sro Leif Heilberg, Private Bag A.I. Kitwe, Northern Rhodesia | 3 | 1 | — | — | — | — | — | 2.000 | Kreskis |
| Saarlanda | Sro August Omlor, St. Ingbert, Beethovenstr. 36 | 7 | 89 | — | — | 10 | — | — | 500 | Kreskis |
| Sveda | S.E.F., Tegelbacken, Stockholm | 134 | 869 | 190 | 8.500 | — | 3 | 13.000 | 11.000 | Kreskis |
| Svisa | Prof. Dro William Perrenoud, 13 Fbg Garre, Neuchâtel | 10 | 200 | 2 | 200 | 1 | 1 | 400 | 5.000 | Kreskis |
| Urugvaja | S-ro Rubens A. Barbieri, Sierra 2140, Montevideo | 38 | 15 | 4 | 100 | 35 | — | — | 2.350 | Kreskis |
| 21 respondoj | ENTUTE | 3.293 | 8.669 | 621 | 32.500 | 857 | 60 | 70.200 | 108.176 | Kreskis |
| 23 respondoj | Komparaj ciferoj por la j. 1953 | 2.224 | 6.770 | 574 | 35,980 | 722 | 65 | 551.400 | 323.050 | Ĝenerale kreskis |

# La nuna stato de informado pri Esperanto

La tabela trarigardo pri la informa laboro en 1955, kiun ni publikigas sur la p. 111 de nia revuo, postulas kelkajn klarigojn:

Antaŭ ĉio estas necese akcenti, ke en la pasinta jaro dum kelkaj monatoj ne funkciis la informa fako de UEA. Tial ne estis kolektitaj informoj por la jaro 1954. Male, en 1954 estis farita statistiko por la jaro 1953 kaj la rezultoj estis publikigitaj en la jul./aug. numero de „Esperanto" por la jaro 1954. Sekve, la ciferoj nun publikigataj estas kompareblaj nur kun tiuj publikigitaj por la jaro 1953.

La trarigardo rilatas nur al tiuj landaj informaj fakoj, kiuj sendis informojn ĝis la 31-a de majo 1956. Bedaŭrinde pluraj landaj asocioj kaj informaj fakoj, malgraŭ kelkaj cirkuleroj kaj petoj pri alsendo de sciigoj, ne faris tion. Tute certe, ekzemple, en Usono estis faritaj klopodoj sur la kampo de informado, sed la Informa Fako de UEA ricevis pri tio absolute nenian sciigon. Aliaj landaj informaj fakoj ne povis doni kompletajn respondojn. Ekzemple la belga „Esperanto-Office", kiu bonege kaj tre regule informas la franclingvan gazetaron de tiu lando pri Esperanto, ne okupiĝas pri aliaj formoj de informado. Ankaŭ BEA povis doni nur informojn pri la gazeteltranĉaĵoj, kvankam tute certe en Britujo la grupoj okazigis prelegojn, aranĝis ekspoziciojn kaj aplikis diversajn aliajn metodojn de informado. Tiurilate la sekretario de BEA skribis: „Fakte, nia gazeto, „British Esperantist" regule raportas aferojn pri nia Brita movado, do tiu kiu volas fari tion, povas kunmeti la informojn por la propra celo."

Malgraŭ tiuj mankoj, la tabela trarigardo montras la tre bonan laboron faritan de dudeko da informaj fakoj en diversaj partoj de la mondo. Estas rimarkinda la granda nombro de artikoloj kaj informoj aperintaj en la tutmonda gazetaro. En la 1955 aperis ĉ. 1.000 artikoloj kaj ĉ. 2.000 mallongaj informoj pli ol en la jaro 1953. Ankaŭ la nombro de prelegoj kreskis kompare kun la jaro 1953. Same tiel la utiligo de la radio estis konsiderinde pli vasta ol en 1953. Estas menciinde, ke ĉi tie temas nur pri nacilingvaj prelegoj kaj informoj. Kompreneble, ankaŭ la esperantlingvaj elsendoj signifas gravan kontribuon al la informado pri la Internacia Lingvo, sed ili ne estas enkalkulitaj en la statistika trarigardo.

La nombro de ekspozicioj bedaŭrinde estas malpli granda ol en 1953. Same tiel konsiderinde malgrandiĝis la nombro de disdonitaj afiŝoj, flugfolioj, broŝuroj kaj aliaj propagandiloj. Precipe bedaŭrinda estas la fakto, ke la informaj fakoj ne okazigis pli multe da ekspozicioj, kiuj, se ili estas altnivele aranĝitaj, estas unu el la plej taŭgaj kaj plej elokventaj pledoj por Esperanto.

## Aliaj metodoj de informado

Diversaj informaj fakoj aplikis ankaŭ aliajn metodojn de informado. Kelkaj el ili povus esti utiligataj ankaŭ de la aliaj informaj fakoj.

Ekzemple, la *argentina* informa fako utiligas la nacian Esperanto-kongreson por vasta propagando por la novaj kursoj, kiuj en tiu lando komenciĝas kutime post la kongreso.

La *brazila* informa fako faris tre viglan propagandon ĉe la katolikoj okaze de la 36-a Internacia Eŭkaristia Kongreso. Oni devus tre imiti tiun ekzemplon kaj utiligi la grandajn kongresojn por taŭga informado. Tiucele UEA, kiel konate, eldonis specialan 6-lingvan flugfolion, kiun ĉiu informa fako devus havigi en granda kvanto por disdoni multajn ekzemplerojn al la partoprenantoj de tiaj kongresoj.

La *jugoslaviaj* informaj fakoj aranĝas multajn malgrandajn ekspoziciojn en la elmontrofenestroj kaj vitrinoj de librovendejoj. Tiu metodo montriĝis tre efika, precipe se ĝi estas ligita al aliaj metodoj de informado, ekzemple, artikoloj, prelegoj kaj radioinformoj.

La *itala* informa fako utiligas vaste la radion. La itala radio dissendas ankaŭ „regionajn programojn" kaj la Informoficejo sukcesis aranĝi interkonsenton kun la redaktoro de la regiona programo por Piemonte, laŭ kiu tiu radio disaŭdigas aktualajn sciigojn pri esperantaj aranĝoj en tiu provinco. Ĉirkaŭ 90% de la donitaj sciigoj estis disaŭdigitaj. La sama informa fako sciigas pri jenaj aliaj metodoj: a. feriaj semajnoj en kampejo Villeŭropa, kiujn partoprenis ankaŭ neesperantistoj; el ili preskaŭ ĉiuj nun estas esperantistoj; b. prelegvojaĝo de s-ro Tibor Sekelj en 22 urboj; c. prezentado de Esperanto-filmoj „Aŭstralio hodiaŭ" (10.325 rigardantoj) kaj „Ni obeigu la akvojn" en 4 italaj urboj (kelkaj centoj da rigardantoj).

En *Nederlando* multe helpis al informado en la jaro 1955 la aranĝo okaze de la Ekspozicio E 55 en Rotterdam. Same tiel gravan kontribuon donis la grandega gazetara konferenco en Hago, tuj post Kristnasko, kiun organizis gesinjoroj Isbrucker kaj kiun partoprenis pli ol 60 ĵurnalistoj. La nederlanda informa gazeto „De Esperantist" estas eldonata en 12.000 ekzempleroj en la nederlanda lingvo.

Estas menciinde, ke pluraj informaj fakoj — ekzemple la germana, jugoslaviaj, itala, norvega, sveda — havas bonege organizitan kolektadon de eltranĉaĵoj. Tiamaniere ili havas absolute precizan trarigardon pri ĉio, kion skribas la gazetaro rilate Esperanton. Tio ebligas rapidajn reagojn en okazo de malfavoraj artikoloj.

## Laboro de UEA

Estas utile mencii per kelkaj vortoj ankaŭ la aktivecojn de UEA sur tiu ĉi kampo. De post la kongreso en Bologna la informado apartenas al la

taskoj de la ĝenerala sekretario. UEA estas en konstanta kontakto kun la landaj informaj fakoj, al kiuj estas liverataj de tempo al tempo aktualaj artikoloj kaj diversaj informoj pretaj por presigo en la naciaj lingvoj. Ĝis nun aperis entute 40 numeroj de la Bulteno de la Internacia Gazetara Servo. Meze ĉiu numero enhavas 5—6 informojn. Selektitaj novaĵoj el la Bulteno estis senditaj en pluraj okazoj, en angla traduko, al diversaj presagentejoj en la regionoj, kie ne ekzistas landaj informaj fakoj. Je la dispono de la informaj fakoj troviĝas nun ankaŭ la granda Universala Ekspozicio de Esperanto, kiu estis unue prezentita en Montevideo kaj poste en Strasbourg. La sekvanta elmontro estos en Kopenhago dum la kongreso.

La informado al diversaj interŝtataj kaj internaciaj organizaĵoj estas efektivigata ĉefe de la Centro de Esploro kaj Dokumentado. Regule, ĉiumonate, CED sendas siajn dokumentojn al 167 organizaĵoj kaj institucioj en 67 landoj.

Al la informado kontribuis ankaŭ la verko „La Internacia Lingvo — Faktoj pri Esperanto", kiu prezentas abundan materialon, utiligeblan por artikoloj kaj prelegoj. Ekzemple la granda hispana revuo „La Goma" aperigis jam plurajn partojn el tiu verko en esperanta originalo kaj hispana traduko.

## Konkludaj sugestoj

Estas sendube, ke la laboro farata sur la kampo de informado estas ampleksa kaj ke ankaŭ la kvalito senĉese pliboniĝas. Estus tamen eraro kontentiĝi per la akiritaj rezultoj. Necesas ampleksigi kaj profundigi la ĝisnunajn metodojn, trovi novajn vojojn, ĉiurilate plibonigi la informadon. Tial, okaze de la Sveda Somera Semajno en Frostavallen de la 29-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto estos diskutataj ankaŭ ĉiuj problemoj rilatantaj al informado. La ĉefaj priparolotaj punktoj estas: a. organizaj formoj kaj taskoj de la landaj informaj fakoj; b. konstanta informado kaj kampanjoj antaŭ la komenciĝo de la kursoj; c. ĉefaj eraroj en la informado pri Esperanto; d. devizoj kaj sloganoj; e. kiel devas aspekti Esperanta Ekspozicio; f. enhavo kaj formo de afiŝoj kaj flugfolioj; g. laboro en internaciaj neesperantaj kongresoj; h. rolo de la radio kaj televido; i. eldono de tipaj prelegoj; j. granda kampanjo okaze de la 70-jara datreveno de Esperanto en 1957 (proponitaj monatoj por la kampanjo: julio aŭ aŭgusto).

Al la semajno en Frostavallen ĉiu landa asocio devus klopodi sendi, eventuale donante eĉ subvencion, almenaŭ unu kompetentan kunlaboranton. En tiu ĉi jaro ne estos eble, pro la tro ŝarĝita programo, havi kunvenon de la reprezentantoj de la informaj fakoj en Kopenhago. Ĝuste tial estas des pli gravaj la diskutoj de Frostavallen. Espereble ili donos novajn instigojn kaj freŝan vervon al la tuta informa laboro en la jaro 1957.

I. L.

## LA INTERNACIAJ KONKURSOJ 1956

Stato je la 31-a de majo

Konkurso I

| | *Lando* | *Kvoto* | *Poentoj* | *%* |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Jugoslavio | 2629 | 2720 | 103,46 |
| 2. | Hispanujo | 1825 | 1785 | 97,80 |
| 3. | Nederlando | 5074 | 4889 | 96,35 |
| 4. | Svislando | 1740 | 1635 | 93,96 |
| 5. | Francujo | 5869 | 5504 | 93,78 |
| 6. | Britujo | 7608 | 6977 | 91,70 |
| 7. | Finnlando | 2872 | 2625 | 91,39 |
| 8. | Italujo | 3025 | 2760 | 91,23 |
| 9. | Svedujo | 6893 | 6290 | 91,10 |
| 10. | Belgujo | 2135 | 1866 | 87,40 |
| 11. | Danlando | 2765 | 1765 | 63,83 |
| 12. | Norvegujo | 2318 | 1350 | 58,23 |
| 13. | Germanujo | 6986 | 3925 | 56,17 |
| 14. | Usono | 3352 | 1881 | 56,11 |
| 15. | Brazilo | 6820 | 3660 | 53,66 |

Konkurso II

| | *Lando* | *Kvoto* | *Poentoj* | *%* |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Kanado | 345 | 480 | 139,13 |
| 2. | Islando | 330 | 380 | 115,15 |
| 3. | Portugalujo | 495 | 570 | 115,15 |
| 4. | Maroko | 937 | 935 | 99,78 |
| 5. | Urugvajo | 330 | 315 | 95,45 |
| 6. | Japanujo | 1182 | 970 | 82,06 |
| 7. | Izraelo | 330 | 270 | 81,81 |
| 8. | Aŭstralio | 1145 | 935 | 81,65 |
| 9. | Sudafriko | 305 | 195 | 63,93 |
| 10. | Nov-Zelando | 854 | 515 | 60,30 |
| 11. | Aŭstrujo | 1485 | 890 | 59,92 |
| 12. | Meksikio | 250 | 120 | 48,— |
| 13. | Irlando | 250 | 55 | 22,— |

## DONACOJ POR CED

| | £ | ŝ | p |
|---|---|---|---|
| Stato je la 1-a de majo 1956 | 70 | 11 | 1 |
| Sveda Esperanto-Federacio, Svedlando | 25 | – | – |
| F-ino S. Wattson, Britujo | 1 | – | – |
| S-ro E. Tison, Francujo | 1 | – | 3 |
| S-ro K. Smith, Francujo | – | 7 | – |
| Arnhemaj Esperantistoj, Nederlando | 4 | 1 | 2 |
| S-ro D. Ponti, Nederlando | – | 2 | 6 |
| Stato je la 31-a de majo 1956 | £102- | 2 | – |

Al ĉiuj donacintoj plej koran dankon. Tute specialan dankon al Sveda Esperanto-Federacio kiu ĉiujare kontribuas konsiderindan sumon al la laboroj de CED. Vere kortuŝa estas la donaco de f-ino Wattson, komencantino en la Kolegio de f-ino Marjorie Boulton en Hexham, Britujo, kiu donis por la celoj de CED sian premion kiel la plej bona lernantino de Esperanto. — Donacojn por CED oni povas sendi al U.E.A., 7, Eendrachtsweg, Rotterdam, C, Nederlando; al Unuiĝo Esperantista Franca, 34, rue de Chabrol, Paris, X, Francujo; al ĉiuj ĉefdelegitoj de U.E.A.; aŭ al CED rekte je la adreso de ĝia direktoro, 77, Grasmere Avenue, WEMBLEY, Middlesex, Britujo.

**Krucvortenigmo** (vd. p. 100). Por tiu ĉi konkurso la Estraro difinis tri libropremiojn e.v.d. po 10 steloj. La limdaton de la konkurso oni malfruigas ĝis la 31a de aŭgusto. Ekstereŭropaj partoprenantoj uzu aerogramon.

# ĜERMOJ EN RIKOLTO



de

**John Francis**

Estis tri homoj en la parcelo. La viro ruĝvizaĝa sub la plensomera suno falĉadis fojnon kun la ritma malrapido de spertulo, dum la du knaboj, kiuj havis po ok ĝis dek jaroj, ludis en la stoplo, kaj de tempo al tempo faris demandojn pri greno, fiŝkaptado, ŝtormoj kaj insulaj legendoj. Al ĉiu demando venis respondo bonhumora kaj nepra, kiel konvenas ĉe homo, kiu scias ĉion, kiel ankaŭ ĉe homo, kiu ne tro ĝenas sin pri pedanta pravo en ĉiu detalo.

„Onklo Niĉjo, ĉu estas vere pri marvirinoj?" demandis la pli malgranda el la knaboj. „Onklino minacis, ke se ni naĝos ĉe la Kiljasa Sablo, la marvirinoj kaptos nin. Ĉu vere?" Lia mieno estis naive scivola; sed lia kunulo subridis kun malestima gesteto.

„Ta, ŝi celas fortimigi nin de naĝo," li diris mallaŭte, por ke la onklo ne aŭdu. Dume tiu respondis.

„Jes, jes, Kol, la marvirinoj estas veraj. Ho jes! Sciu: en la Ruĝa Maro ili svarmas, kaj ĉe Kiljasa Sablo — nu, jes, en mia junaĝo multaj knaboj malaperis tie. Jes, pluraj." Lia parolo forte kontrastis kun la monotona urba tirprononco de la knaboj; ĝi estis la melodia parolo de la okcidenta gaelo: eble la sola homo, kiu garnas la anglan eĉ pli muzike ol sia irlanda kuzo.

„Sed la maristoj diras, ke ili estas belaj," protestis la pli granda knabo kun singarda kritikemo, ĉar li jam primokis la miton, kaj ne volis lasi sin pruvi tute malprava antaŭ sia pli juna kunulo nur pro ĝentilo al la onklo.

„Nu jes, belaj ili ja estas."

„Kaj nur sidas sur rokoj kombante la harojn," daŭrigis la juna skeptikulo jam pli memfide.

„Jes, ili havas tre longajn harojn, longegajn harojn, kaj sidas sur rokoj kombante tiujn per kon- kaj kombiloj."

„Sed onklino diras, ke ili venas el la ondoj ĉi tiel," diris Kol, levante la manojn unge kun timiga esprimo.

„Guste," aldonis lia kunulo rapide, „kaj formanĝas infanojn. Ĉu la belaj marvirinoj tiel kondutus?" li demandis kun triumfa rigardo al Kol.

„Ho, jes, ankaŭ tiel ili kondutas," respondis lia onklo kun seninterrompa sereno. „Vidu, knaboj: ekzistas marvirinoj diversspecaj. Cetere, ilia belo estas belo fatala." Li aldonis la pli kontentigan solvon, kvazaŭ ĝi estus natura komplemento de la antaŭa, ne ĵusa inspiro.

„Jano diras, ke tute ne ekzistas marvirinoj, kaj ke onklino nur provas timigi nin, kaj ke estas sensencaĵo pri marvirinoj," malkaŝis Kol spitante la avertajn grimacojn de la perfidito.

„Nu, nu. Ĉu vere? Jes, jes. Ĉu?"

Jano mallevis la okulojn serĉante eliron el sia embaraso ĉe fojnero, kies tigon li senpense tiris inter la maldekstrajn poleksan ungon kaj kurbigitan montrofingron, tiel forŝire kolektante la spikojn en faskon, kiu momente ŝajnis kreski el lia fingro antaŭ ol ŝutiĝi teren.

„Onklo Niĉjo, se mi semus tiun ĉi spikon, ĉu ĝi kreskus en fojnon venontjare?" li demandis.

„Nu, nu, Jano, estus iom frue semi; sed tio ja estas la semo: el tio la fojno finfine kreskus. Sekve, knaboj, ni rajtas diri, ke en tiu ĉi rikolto ni kolektas ankaŭ la semojn de la venontjara; ke en ĉiu rikolto kuŝas la ĝermoj de la venonta. Jes, jes, efektive!" Kiel ĉiuj gaeloj Nialo amis filozofumi, ĉiam preferante sonoran senenhavon al nuda kerneco, sed en la nuna kazo li sentis, ke li trafis ion pli profundan ol belan parolturnon, kaj li ripetis la frazon kun ioma fiero, ĝue provante sonojn kaj efekton, kaj eblojn pri plua polurado. „Jes, en ĉiu rikolto kuŝas la ĝermoj de la venonta; ĉiu rikolto tenas ankaŭ ĝermojn."

Dum iom da tempo regadis silento. Nialo mense dorlotadis sian penson per aldonoj, polurado kaj rearanĝo por kiel eble plej ekspluati ĝin; Kol jam okupis sin per nova distro, ĉaspikante strangan insekton inter la stoplo per fojnero, dum Jano estis kontenta pri tio, ke li sukcesis fortiri la komunan atenton for de siaj herezaj onklin-mokantaj asertoj pri

marvirinoj. Poste la demandoj rekomenciĝis, kaj Nialo respondadis kun antaŭaj senhezito kaj bonhumoro, senĝene flikante sciomankojn per riĉa fantazio kaj kelta blago, dume falĉante kun aŭtomata persisto.

Subite: „Jen rano!" ekkriis Kol, kaj ambaŭ knaboj kuris al la parcelorando, kie bufo ĵus elsaltis la fojnon, ŝajne por eskapi la proksimiĝantan falĉilon, kaj jam saltetis al la preskaŭ senakva foseto, kiu borderis la kampon.

Atinginte la malbelan besteton, ili staris antaŭ ĝi iom necerte, kaj komence kontentis malhelpi ĝian fuĝon en la foseton per prezento de rastil-tenilo, ĉar ili hezitis tuŝi la molaĉan haŭton; sed fine Jano tuŝetis unu flankon per montrofingro, kaj poste la alian per polekso, ĝis li kutimiĝis al la kontakto, kaj eklevis la kaptiton. La vibrado de la malseka ventro kontraŭ lia polmo naŭzis lin, sed ankaŭ al tio li kutimiĝis, kaj kun fiera aplombo ekkaresis la verukan dorson dume proponante la novan kamaradon al Kol kun komplezaj kuraĝigoj kaj konsiloj pri ekteno.

Kol etendis dubeman fingron, sed tuŝinte la beston rezignis plian intimiĝon, kaj por eviti la nun insistajn kaj mokajn invitojn de sia pli kuraĝa kunulo, ekdemandis la onklon pri ranoj.

Notante, ke temas pri simpatia sinteno la viro volonte priskribis la virtan vivon de la rano, aldonante ke li kiel knabo ĉiam havis ranon anstataŭ, kiel nun, hundon. La knaboj ja sciis pri liaj hundoj: Fido, Karlo, Nobelo, Fido — eterna serio en kiu la nuna Karlo estas nura ero, kaj facile kredis lian pretendon, kiu bone akordiĝis kun ŝatataj rakontoj en kiuj knaboj ĉiam portas en la poŝo ranon kune kun aliaj trezoroj. Tamen —

„Ĝi estas iom bruna, kaj ja portas verukojn. Ĉu rano ne devus esti verda kaj glata? Eble ĝi estas bufo," sugestis Jano dubeme.

„Ne!" diris Kol, kiu ne ŝatis bufojn.

„Ne," ripetis la onklo. „Ho ne, Jano. Ne, ne. La haŭto estas iom seka. Nur tial."

„Nu, ĝi ja saltetis; kaj bufoj nur krablas, ĉu ne?" Jano jam ekcedis.

„Jes, jes, nur krablas komprenëble. La bufo nur krablas, knaboj ĉar ĝi estas tiel ventra, tiel pufa, kun venena skvama haŭto, kiu eterne ŝlimas. Cetere ĝi estas danĝera, ĉar ĝi elkraĉas fajrolangon," li aldonis kuraĝigite de la mirplenaj esprimoj de la knaboj. „Jes, kaj venenas la akvon kontraŭ la bovoj."

„Ĉu ĝi mordas?" demandis Kol.

„Jes, jes, ĝi mordas. Ĝi ne nur mordas, Kol, sed ankaŭ enkraĉas fajron en la vundon. Ho, la rano estas nobla besto kompare kun la bufo, knaboj, kaj tre inteligenta, tre inteligenta."

Sekvis rakontoj ilustraj pri la inteligento kaj dreseblo de la rano, kiuj distris la knabojn ĝis la falĉado finiĝis. Tiam:

„Nu, knaboj, mi estas soifega, kaj devos iri al la hotelo por trinketo; ĉar estas tre strange: nur la biero povas satigi soifon tian, kian mi nun suferas. Tion mi trovis; tion mi trovis. Do, iru vi al la marbordo, ĉar mi ne volas, ke vi ludu apud la falĉilo. Jen Dol Rua kaj la aliaj iras al la bordo nun."

Efektive, kvar el la vilaĝaj knaboj samaĝaj kiel Kol kaj Jano iris laŭ la vojo, kiu preteris la parcelon malsupren al la marbordo, kaj jam mansvingis al la du urbeganoj, ke ili venu akompane. Do ĝisinte la onklon la du kuzoj alkuris la grupon, kiu nun staras atendante.

„Kie vi kaŝis vin, Kol? Ni ne vidis vin dum la lasta semajno," salutis la plej granda el la knaboj, kiu nomiĝis Dol Rua (Ruĝa Donĉjo) malgraŭ la flavaj haroj, ĉar la kromnomo vere priskribis lian nun mortan patron, kaj aplikiĝis al li nur, kiel mallongigo de „filo de Dol Rua". „Nu, Jano, hejmen denove?" li bonvenigis Janon laŭ la insulana formulo por ĉiuj feriantoj, kiuj iel devenis de la insulo.

„Jes," respondis Jano retireme, ĉar la kvieta ĝentilo de la iom pli aĝa knabo ĉiam imponis lin. „Mi alvenis hieraŭ, kaj restos monaton."

„Jes, jes, komprenëble. Bone, bone! Kaj kion vi portas tie, Jano?" li emfazis la propranomon laŭ la maniero de gaelo parolanta la anglan.

„Ĝi estas rano. Mi ŝatas ranojn; ranoj estas bonaj," respondis Jano rapide, ĉar li konis la morojn de la vilaĝaj knaboj rilate kaptitajn bestojn.

„Rano, komprenëble! Kie —" komencis Dol Rua.

„Rano, bastardo." siblis gnomaspekta knabo kun nigraj brovoj. „Mortigu ĝin!"

„Ne!" protestis Jano.

„Ne," konfirmis Dol Rua. „Lasu tion, Erĉi! La rano apartenas al Jano. Lasu ĝin trankvila."

Dum la grupo plueniris al marbordo Jano klarigis pri la utilo kaj virtoj de *rana temperaria* al Dol Rua, parte citante la malpli fantaziajn pretendojn de sia onklo, parte relative fidindajn fontojn; ĉar li ne atendis daŭran toleremon de la knaboj, kaj deziris, ke la potenca protekto de Dol Rua fontu el konvinko pozitiva. Kol promenis antaŭe kun la aliaj knaboj al kiuj li emis paroli gaele, ĉar kvankam li estis urbegano, tamen li restis en gaela etoso grandan parton de la jaro, kaj fieris pri sia lingvokono precipe antaŭ sia kuzo, Jano. La aliaj knaboj volontis respondi lin per la por ili natura lingvo, sed Dol Rua interrompis ĉiun ekprovon per rilata diro anglalingva kompleze al la filistra Jano, kaj la aliaj fine akceptis la averton nediritan.

Ili jam proksimiĝis al la marbordaj rokegoj, kiam Alan, plej juna el la vilaĝanoj, ekkriis: „Jen Wili Pek!" kaj ili rimarkis, ke alkuras ilin knabo, kies hirtaj flavaj haretoj kontrastas kun la ruĝo de rikananta vizaĝo. Erĉi, Alan kaj la kvara vilaĝano, Rori, tuj eklevis ŝtonojn kaj ekĵetis kontraŭ la alvenanto por malpersvadi pluan proksimiĝon. Wili Pek haltis kaj grimacante demandis, kial li ne venu kun ili, kien ili iras, k.t.p., interdemande insultante pro la apudo de la ĵetitaj ŝtonoj, ĝis fine unu el tiuj trafis rekte en lian vizaĝon, kaj li falis surdorsen ŝirkriante.

Momenta ektimo silentigis la knabojn, sed rimarkante, ke la trafito estas nek morta, nek senkonscia, ili ekgratulis la celtrafinton, Erĉi, kaj ridegis pro la komika aspekto, kiun nun havis la vizaĝo de Wili Pek pro larmostrioj, ŝmirita sango kaj plorgrimacoj.

„Bone celite, Erĉi! Kriste, li mungegis post tiu ĵeto! Pafo kaj trafo rekte sur beko!" Kol gratulis la fieran Erĉi, kiu jam rekomencis ĵeti ŝtonojn post la forkurantan idioton.

Atinginte la rokegojn ĉe la marbordo la knaboj distris sin serĉante marbestetojn, kiujn lasas la tajdo en roktruaj lagetoj. Kol kaj Alan forbatis moluskojn de la rokojn, kaj fiksinte tiujn senkonkaj al ŝnuretaj finoj pezigitaj de ŝtonetoj, ili ĵetis la tentaĵojn en la maron, pendigante ilin per la ŝnuretoj tiel, ke ili tuŝis la supron de la marfunda algego, sed ne profundiĝis en tion. Postnelonge krabo aperis el la algego kaj krablinte sur la frondoj al unu el la moluskoj, ekkaptis tion per ambaŭ pinĉiloj, ne forlasante ĝin kiam Kol, kiu tenis la alian finon de la ŝnureto, tiradis ĝin supren. Kiam la krustulo atingis la akvosurfacon, la knabo ektiris pli zorge sciante, ke la viktimo ofte rifuzas lasi la preferatan sferon, kaj reenfalas la maron. Tamen, ĉifoje la afero iris glate, kaj Kol, kaptinte la krabon per la flankoj super la kruroj, ĵetis ĝin en oportunan akvoplenan truon. Dum la venonta duonhoro ili kaptis seson da kraboj tiel. Neniu el la kaptitoj apartenis al la granda, ruĝa manĝebla speco; sed estis bela distro kapti, kaj dispistinte la pinĉilojn per ŝtonoj, lasi la krabojn kroĉiĝi al la mano kaj brako per la ungaj piedoj.

Erĉi venis al Jano tenante angileton en la mano kun la kapo inter la poleksa ungo kaj la kurbigita montrofingro. „Angilo," li diris rigardante la vizaĝon de Jano per ruzaj okuloj, „bastardo!" kaj lia poleksa ungo premegis la maldikan nukon tiel, ke la buŝeto gapegis kaj la okuloj tute elstaris la kapon.

Jano ŝajnigis indiferenton. „Ĉu vi ne povas trovi pli grandan?" li demandis.

Erĉi faligis la angileton.

„Ĵetu la ranon en la maron," li diris malice. „Ni vidu kiom longe ĝi naĝos en la ondoj."

„Jes," subtenis Rori, kiu aŭskultis ilin de malgranda distanco.

„Ne," kontraŭis Jano, „sala akvo ne konvenas al rano."

La aliaj knaboj, jam enuaj pri kaptado de bagateloj, proksimiĝis.

„Kion ni faros?" demandis Kol.

„Ni naĝigos la ranon en la maro," respondis Erĉi rigardante Janon.



*John Francis*

„Ni ne!" tiu obstinis.

„Kie estas Dol Rua?" iu demandis.

„Ni fiŝkaptu mevojn," alia proponis. „Mi alportos panpecojn; iu alportu vergojn kaj ŝnurojn."

„Jes, bone."

„Tio estas stulta ludo," protestis Jano, kiu jam vidis mevojn sin tordantajn, kiel kajtojn ĉe la fino de fiŝkaptaj ŝnuretoj, kun hokoj en gorĝoj.

Dol Rua venis: „Pri kio temas?"

„Jano Kerr deziras fari nenion," rikanis Erĉi.

„Oni deziras mortigi mian ranon," Jano akuzis.

„Tute ne."

„Nu, kiel?"

„Ni deziris naĝigi ĝin. Jen ĉio, Dol."

„Ili deziris ĵeti ĝin en la maron; en la ondojn. Ranoj ne kutimas al ondoj — kiel vi ja scias, Dol."

Dol Rua rigardis lin per afablaj okuloj. „Nu, kompreneble ne, Jano; sed la knaboj nur deziras vidi ĝin naĝanta. Do, ni iru al iu golfeto, kie la akvo estas glata, ĉu ne?"

„Nu-u, bone," Jano kompromisis, timante mokon.

La rokegojn entranĉis multaj fjordetoj, kies konverĝa streto akumule koncentrigis la atlantikan hulon en eksplodontajn masojn, kiam la onddirekto ortis la bordon; sed nun ĝi preskaŭ paralelis, kaj cetere rapida tajda fluo inter la insulo kaj najbara insuleto glatigis la ondojn apudbordajn tiel, ke la akvo en la golfetoj apenaŭ agitiĝis. La knaboj nun iris al la enlanda fino de unu el tiuj golfetoj, kie la sinuoj jam ŝirmas la surfacon ĝis vitrina plato, krom kiam muara vento balaas ĝin. Klare videblis sube la densa fuko kurbiĝanta, kiel ledaj rimenegoj.

„Enĵetu ĝin!" ordonis Erĉi.

Jano krable iris al la akvorando, kaj ripetante malfortproteste „La sala akvo ne konvenos al ĝi", enmetis la bufon kun puŝeto. La amfibio tuj ekcelis entuziasme la kontraŭan bordon per senmanka brustnaĝado, kaj la knaboj rigardis ĝin silente, trafite de tiu nebesta irmaniero.

„Oni diras, ke la rano instruis la homaron, kiel naĝi," diris Dol Rua postiome, kaj rigardante la perfektajn movojn de la bufaj kruroj Jano povis facile imagi tion. La rano ja montriĝas simila al homo, kiam ĝi streĉiĝas dum naĝo; sed al tre maljuna homo: do, ĝi estas ja la instruinto, ne la instruito, sed ankaŭ pli ol instruinto: maljunega, antikva, praa — kiel oni nomas provaeroplanon? — jes, prototipo. La mensfadenoj de Jano flirtis ĉe la nigroj de memoro kaj konscio.

„Mia patro diras, ke ni ĉiuj devenas de 'velura, kaŭra tremuleto' ", li diris.

„Kia sensencaĵo!" miris Rori dum la aliaj ridis.

Ŝtono plaŭdis apud la kapo de la bufo, kaj Dol Rua turnis sin kolere al Erĉi.

„Lasu tion," li siblis, „se vi ne deziras mergiĝi."

„Se la rano atingos la kontraŭan bordon, mi premios ĝin per liberigo," anoncis Jano rapide.

„Jes, jes, Jano! Bone!" subtenis

Dol Rua, „kaj neniu rajtos tuŝi ĝin."

Sed jam evidentis, ke ne necesos timi la kapricojn de la knaboj, ĉar escepte de Erĉi ili nun kuraĝigas la naĝanton atingi la celon. La bufo akiris por si personecon, kaj sekve ilian simpation; ili subite vidas lin, kiel kamaradon kun vivmotivo, ne nur interesan torturoton, kaj protektemo provizore anstataŭas malicon en iliaj koroj.

La bufo naĝis daŭre sur la surfaco, kvazaŭ la sala akvo ja ne konvenas al ĝi, aŭ kvazaŭ ĝi priscias, kaj timas, la ekzotan mondon suban. Fine ĝi atingis la kontraŭan bordon de la golfeto kaj ekgrimpis laŭ fendeto en la roko ĝis ĝi atingis malpli krutan deklivon, kiam ĝi saltetis al la herbo, kiu en tiu loko kreskis ĝis la bordaj rokegoj.

La knaboj aplaŭdis ĉion ĉi entuziasme ĝis la bufo malaperis malantaŭ herbotufon. Poste Jano sugestis, ke lia onklo ne koleros se ili utiligos lian boaton, kaj ili ekiris al la plaĝeto, kie kuŝas la vilaĝanaj barkoj; sed subite iu kriis „Jen Wili Pek kaj la knabinoj," kaj re-turnante sin ili vidis la idioton serĉantan en la herbo akompanatan de kelkaj el la vilaĝaj knabinoj, kun kiuj li ludas, kiam la knaboj forpelis lin, kaj kiuj mem toleras lin nur pro tio, ke estante freneza li kutimas urini antaŭ ili ne kaŝante sin.

Subite la serĉanto levis ion el la herbo, kaj rikanante minacis ĵeti ĝin kontraŭ la knabinoj, kiuj forkuris kun krioj timaj-ridaj.

„La rano!" kriis Jano, kaj Dol Rua vokis al la idioto, „Lasu tion, Wili! Lasu ĝin iri!"

Wili Pek rigardis ilin, kaj rimarkante, ke ili devos laŭkuri la golfetan bordon antaŭ ol atingi lin, li etendis la manon tenantan la bufon samtempe pugnante ĝin kun nova rikano, kaj babilante: „Rano,bastardo! Rano bastardo! He! He! He! Ranobastardoranobastardo!"

„Frakasu tiun bavantan frenezulon!" kriis Dol Rua, ĵetante mem la unuan ŝtonon, kaj ĉiuj la aliaj knaboj krom Jano sekvis la ekzemplon. La kruroj de la premita bufo streĉiĝis malantaŭen; ĝia buŝo oscedis, kaj vomis bluan sangon, organojn kaj intestojn, dum la sakrantaj knaboj pli furioze ĵetis ŝtonojn, kaj en la fono la knabinoj kriis ride-time.

Sed Jano, malkongrue ŝtopante la orelojn kontraŭ sonoj neniam aŭdotaj, hipnote rigardis la fokuson de la agado, kie la infano idiota rikanis pri sia potenco, tenante en la mano la sangan pratipon de l' homaro.

---

Karel Čapek

# Morto de Arĥimedo



La historieto pri Arĥimedo ne okazis precize tiel, kiel oni ĝin priskribas; estas vere, ke li estis mortigita, kiam la Romanoj konkeris Sirakuson, sed ne estas vere, ke en lian domon eniris roma soldato por rabi, kaj ke Arĥimedo, okupita per desegnado de ia geometra tasko, ĉagrene murmuris: „Ne difektu miajn cirklojn".

Unue, Arĥimedo ne estis distriĝema profesoro, kiu ne scias, kio okazas proksime de li; male, li estis de nasko ĝusta soldato, kiu eltrovadis por Sirakuso militajn maŝinojn por defendo de la urbo; due, la roma soldato ne estis ia ebria militrabisto, sed klera, honoravida staba centestro Lucius, kiu sciis, kun kiu paroli li havas honoron kaj kiu ne venis por rabi, sed desur sojlo li milite salutis, dirante: „Estu sana, Arĥimedo".

Arĥimedo levis okulojn de la vaksigita plato, sur kiu li vere ion desegnis, kaj demandis: „Kio okazas?"

„Arĥimedo," respondis Lucius, „ni scias, ke sen viaj militmaŝinoj Sirakuso ne rezistus pli longe ol monaton, sed tiamaniere ni klopodis dum du jaroj por venki ĝin. Pripensu, ni, soldatoj, scias taksi tion. Brilegaj maŝinoj! Mi gratulas vin!"

Arĥimedo eksvingis per la mano: „Mi petas, tio ne estas menciinda. Simplaj ĵetmekanismoj nu, siamaniere ludaĵoj. Science sen ia valoro."

„Sed milite valoraj," opiniis Lucius. „Aŭdu, Arĥimedo, mi venis por postuli, ke vi laboru por ni."

„Por kiu?"

„Por ni, Romanoj. Vi ne povas ne vidi, ke Kartago proksimiĝas al malvenko. Kial do helpi al ili? Nun ni ĵetos nin kontraŭ Kartago, vi ekvidos. Pli saĝe estus, se vi irus kun ni, vi ĉiuj."

„Kial?" murmuris Arĥimedo. „Ni Sirakusanoj estas Grekoj, kial do ni devus iri kun vi?"

„Ĉar vi loĝas en Sicilio kaj ni bezonas Sicilion."
„Kaj kial vi ĝin bezonas?"
„Ĉar ni volas superregi Mediteraneon."
„Ho," diris Arĥimedo, kaj observis penseme sian platon. „Kaj pro kio vi tion volas?"
„Kiu regas Mediteraneon," diris Lucius, „estas reganto de la mondo. Tio estas klara."
„Ĉu vi eble devas estiĝi mondoregantoj?"
„Jes. La misio de Romo estas estiĝi estro de la mondo. Kaj mi asertas, ke ĝi estiĝos."
„Eble," diris Arĥimedo, kaj forviŝis ion sur la vaksigita plato. „Sed mi ne konsilus tion al vi, Lucio. Aŭdu, esti mondreganto, tio signifas iam kruelan defendon. Domaĝe pri la laboro, kiun tio iam postulos."
„Ne gravas. Sed ni estos grandega regno."
„Grandega regno," murmuris Arĥimedo. „Se mi desegnas malgrandan cirklon aŭ grandan cirklon, ambaŭ estas nur cirkloj. Jen aperas limoj. Neniam vi estos sen limoj, Lucio. Ĉu vi pensas, ke granda cirklo estas pli perfekta ol malgranda cirklo? Ĉu vi pensas, ke vi estas pli granda geometriisto, se vi desegnas pli grandan cirklon?"
„Vi Grekoj senĉese ludas per argumentoj," oponis la centestro Lucius. „Ni argumentas nian veron alie."
„Per kio?"
„Per agoj. Ekzemple ni konkeris vian Sirakuson, sekve Sirakuso apartenas al ni. Ĉu tio estas klara argumento?"
„Ĝi estas," diris Arĥimedo kaj gratis sin per skribilo en la haroj. „Jes, vi venkis Sirakuson, sed tio ne estas kaj neniam plu estos tia Sirakuso, kia ĝi estis ĝis nun. Ĝi estis granda kaj glora urbo, homo; de nun ĝi neniam estos granda. Kompatinda Sirakuso!"
„Sed Romo estiĝos granda. Romo devas estiĝi plej potenca en la tuta mondo."
„Kial?"
„Por ke ĝi rezistu. Ju pli potencaj ni estas, des pli multe da malamikoj ni havas. Tial ni devas esti plej fortaj."
„Koncerne la forton," murmuris Arĥimedo, „mi estas iom fizikisto, Lucio, kaj mi diros ion al vi. La fortoj kunjugas sin."
„Kion tio signifas?"
„Tio estas naturleĝo, Lucio. La forto, kiu efikas, kunjugiĝas. Ju pli fortaj vi estos, des pli el viaj fortoj vi konsumos pro tio. Kaj iam venos tempo —"
„Kion vi volis diri?"
„Nenion. Mi ne estas profeto, kamarado; mi estas nur fizikisto. La forto kunjugas sin. Nenion plu mi scias."
„Aŭdu, Arĥimedo, ĉu vi volas labori por ni? Vi ne kapablas imagi, kiaj grandegaj eblecoj malfermiĝus por vi en Romo. Vi konstruus la plej grandajn militmaŝinojn de la tuta mondo".
„Pardonu afable, Lucio; mi estas maljuna homo, mi volas finlabori ankoraŭ unu aŭ du el miaj ideoj. Kiel vi vidas, mi ĵus ion desegnas ĉi tie."
„Arĥimedo, ĉu vin ne allogas konkeri kun ni la superregon en la mondo? Kial vi silentas?"
„Pardonu," murmuris Arĥimedo, kliniĝinta super sia plato. „Kion vi diris?"
„Ke homo, kia vi estas, povus konkeri mondsuperregon."
„Ho, mondregado," rediris Arĥimedo penseme. „Ne ĉagreniĝu, mi petas, sed mi okupas min ĉi tie per io pli grava. Sciu, io pli longedaŭra. Io, kio eterne daŭros."
„Kio estas tio?"
„Atenton, ne forviŝu miajn cirklojn. Tio estas metodo kalkuli areon de cirklosektoro."

*El la ĉeĥa trad.*
***Jaroslav Huda***

A.S. Puŝkin:



# Anĉaro



*En la dezert' sterile nuda,*
*El grund' bakita de sun-ardo*
*Anĉar' elĝermis, staras muta.*
*Ne kreskis en proksim' eĉ kardo.*

*Ĝin naskis la soifa tero*
*En furiozo mondmalbena,*
*Kaj per veneno de kolero*
*Saturis ĉiun fibron plena.*

*Venen' filtriĝas tra la krusto*
*En la tagmeza varmo suna,*
*Ĉe l' vento de vesperkrepusko*
*Koaglas je rezino bruna.*

*Proksimon ĝian bird' evitas*
*Kaj timas tigro. Se la sibla*
*Venteg' la branĉojn ekagitas,*
*Tuj plu ĝi flugas, venenkribra.*

*Kaj se la nuboj de l' ĉielo*
*Pluverojn sur anĉaron ŝutas,*
*De la folioj kaj de l' ŝelo*
*Venene tiuj teren gutas.*

*Hom' homon tamen por aliro*
*Komandis per rigard' rigora.*
*Fidele iris tiu viro,*
*Revenis kun la suk' horora.*

*Portante krom rezin' fatala*
*Velkintan branĉon en tornistro,*
*Kun ŝvit' malvarma sur la pala*
*Vizaĝ' sin trenis la servisto.*

*Li falis tie tuj en sveno,*
*Pro elĉerpiĝ' de l' lasta forto.*
*Ĉe l' trono de la suvereno*
*La sklavon tiel trafis morto.*

*La princo ĉiujn sagojn suki*
*Ordonis per venen' anĉara,*
*Per arkoj tiel sendis flugi*
*La morton al popol' najbara.*

*El la rusa trad.*
***K. Kalocsay***

**Anĉaro**: fabela Java arbo, kiu venenis ĉion en la ĉirkaŭaĵo; vera Java arbo *(Antiaris toxicaria)*.

# ESPERANTISTA VIVO

## Naskiĝoj

**Koopmans.** Al **W. H. Koopmans** kaj **J. T. Koopmans-Schotanus**, „Malgranda Paradizo", Vosmaerlaan 3, Hilversum, Nederlando, naskiĝis la 10an de aprilo 1956 filino **Hendrika Wilhelmina Feliĉa.**

**Roose.** La 18an de aprilo 1956 naskiĝis al **Fernand Roose** kaj **Henriette de Kersgieter** kvara infano, frato por Ingrid, Randi kaj Hilde, nomata **Jan.** Sinte-Claradreef 59, Brugge, Belgujo.

## Jubileo

**Johannes.** La 12an de majo festis Oran Edziĝjubileon ges-anoj **Georg** kaj **Maria Johannes**, Brölweg 5, Düsseldorf-Grafenberg, Germanujo. Ĝis la malpermeso de nia kara lingvo, s-ano Johannes, ĉiam helpita de sia kara edzino, estis Delegito de UEA. Post la milito li kunfondis denove nian societon kaj ankoraŭ hodiaŭ senlace kaj entuziasme laboras en kaj por nia movado kiel vicprezidanto de nia grupo. Al niaj Philemon kaj Baucis ni deziras ankoraŭ multajn jarojn en paco kaj harmonio.

## NEKROLOGO

**Dziedzic.** La 23an de marto 1956 mortis advokato d-ro **Ignacy Dziedzic,** aktivulo de la pollanda esperanta movado, delegito de UEA en Torun kaj dumviva membro-abonanto de UEA. Li estis 67 jara.

**König.** Mortis f-ino M. C. König en Hilversum. (Pluaj detaloj mankas.)

**Pawlik.** Al nia Vicdelegito por Knittelfeld, **Rudolf Pawlik,** ni esprimas nian sinceran kompaton pro morto de lia edzino; laboro kaj tempo helpu al li toleri sian suferon!

**Pietsch.** La 9an de februaro mortis en la aĝo de 65 jaroj, post mallonga grava malsano, nia samideano **Gustav Pietsch** en Berlin. Li estis grava kaj konata figuro en la germana Sindikata movado, kaj vicprezidanto de la regiono Berlin en DGB (Germana Sindikata Ligo).

## KOMUNIKO AL LA MEMBRARO PRI LA NOVAJ ATAKOJ DE SINJORO G. A. CONNOR

La sekretario de EANA sendis antaŭ nelonge sian t.n. defendon al granda nombro de personoj tra la tuta mondo.

Kiel ĉiu ricevinto de la „defendo" povas facile konstati, en tiu dokumento s-ro G. A. Connor eĉ ne provis prezenti iun ajn pruvon por siaj asertoj kalumniaj por UEA kaj ĝiaj funkciuloj, sed aldonis pliajn malveraĵojn. En la marta-aprila numero de „Amerika Esperantisto" li publikigis du novajn atakojn — unu sub sia nomo kaj unu verkitan de lia edzino — en kiuj li misprezentis la sencon de paragrafo 13 de la Statuto, faris novajn ofendojn kaj kalumniajn asertojn pri la ĝenerala sekretario kaj pri la Komitato, kaj eĉ kalumnie renversis la tutan sencon de la artikolo de la ĝenerala sekretario, verkita kiel reago al la multnombraj misprezentoj pri la kvazaŭa telegramo de Molotov en la monda gazetaro. La Estraro petas ĉiujn legintojn de tiuj novaj kalumnioj tralegi ankoraŭfoje la koncernajn artikolojn en la marta numero de „Esperanto" p. 34, en la maja numero de „Esperanto" p. 73 kaj en la februara numero de „La Praktiko" por mem konstati la amplekson de la malvero, kiun estas kapabla presigi s-ro G. A. Connor.

La Estraro petas ĉiujn esperantistojn kaj speciale ĉiujn membrojn de UEA ne konfuziĝi, sed trankvile atendi la verdikton de la Komitato, la supera libere elektita instanco de la Asocio.

La Estraro

# APO Agado en Proksima Oriento

# En Turkujo

Dum aprilo kaj majo ĉijara por APO „Proksima Oriento" signifis: Turkujo. Ĉifoje nia grupo konsistis nur el du membroj, la subskribinto, kiel speciala sendito de UEA, kaj f-ino Elsie L. Parson, kiel kunlaborantino.

La unuan monaton ni laboris en Istanbulo, kie ekzistas entute 7 esperantistoj, kiuj neniam antaŭe estis kunvenintaj. Ni tuj malvolvis vastan propagandan agadon, en kiu plejmulte helpis al ni s-ro Hasan Kocaman, delegito de UEA, kaj la studento Ercan. Ni sukcesis publikigi artikolon pri nia misio kaj pri Esperanto en ĉiuj gazetoj, du publikajn prelegojn mi faris, el kiuj unu estis organizita de la Direkcio de Edukado, kaj ni organizis ekspozicion de esperantaĵoj en grava loko.

Sekve, ni fondis Esperanto Societon de Istanbul kaj preparis la grundon por kurso, kiun gvidos f-ino Parson dum la proksimaj kvin monatoj.

En la ĉefurbo Ankara ekzistas nur du samideanoj, kaj unu el ili, Ali Ilhamil Yumrukcal UEA-del., multon helpis en niaj kontaktoj. Ni intervjuis la Edukministron, Rektoron de la Universitato, Dekanon de la Filozofia Fakultato, Vicprezidanton de la Nacia UNESKO-Komisiono, Direktoron de Turismo kaj Preso kaj Direktoron de la Liceo Atatürk, kaj ĉiuj ĉe la adiaŭo esprimis sian grandan simpation al Esperanto, kaj promesis helpi nian agadon oportune. Precipe interesa estis la intervjuo kun prof.-o Tunyel, vicprezidanto de la N. UNESKO-komisiono, kiu samtempe estas la reprezentanto de Turkujo antaŭ Unesko. En Montevideo li voĉdonis kontraŭ la rezolucio, pro konvinko. Post duhora diskutado kun mi, la Nacia Unesko-Komisiono aŭspicis mian prelegon pri Esperanto en la Universitato... ankaŭ pro lia konvinko.

La Edukministro promesis pristudi la eblecon eldoni cirkuleron al la lernejestroj por rajti prunti siajn klasĉambrojn por E.-kursoj, kaj la sendon de oficiala delegito al la 41-a U.K. La Rektoro pristudos la malfermon de E.-kurso en la Universitato, same kiel la direktoro de la Liceo Atatürk en tiu lernejo. Miaj du prelegoj, unu sub aŭspicoj de la N. Unesko-Komisiono, kaj la alia organizita de la Instruista Asocio, same kiel la dudeko da artikoloj, notoj kaj fotoj koncerne E.-on publikigitaj lastmonate, preparis la grundon por la ekfloro de la Movado en Turkujo.

Tamen, la grundo estas malmola, kaj ĝi bezonas ankoraŭ multe da flegado kaj akvumado ĝis kiam la floroj aperos. La ĉefa laboro atendas la turkajn samideanojn, al kiuj mi adiaŭe deziras energion kaj prosperon!

*T. Sekelj.*

## La 42a U.K. okazos en Marseille

Laŭ la ĵusa decido de la Estraro, la 42a Universala Kongreso okazos en Marseille de la 27-a de jul. ĝis la 3-a de aŭg. La Estraro ekzamenis plurajn aliajn invitojn, sed trovis ke en la nuna momento, pro diversaj kaŭzoj, la plej taŭga loko por la 42a U.K. estas Marseille.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**EENDRACHTSWEG 7 ROTTERDAM C. NEDERLANDO**

OFICIALA INFORMILO

La 1-an de junio 1956

N-ro 284

STATISTIKO. Jen la stato de la membraro je la fino de majo kaj ankaŭ por komparo, je la fino de majo 1955:

| | | 1955 | | 1956 |
|---|---|---|---|---|
| Asociaj membroj | | 3231 | | 8272 |
| Individuaj membroj | | | | |
| MJ | 788 | | 784 | |
| MA | 3663 | | 3966 | |
| MS | 753 | | 677 | |
| Pat. | 9 | | 9 | |
| DM | 288 | | 289 | |
| HM | 57 | 5558 | 54 | 5779 |
| | | 8789 | | 14051 |

**DELEGITOJ.**

**Aŭstrujo.**

**Plainfeld** (Salzburg) D. S-ro Josef Kaps, Parohestro, Post Hof (bei Salzburg).
**Salzburg** (Salzburg) D.: Vakas.
FD: (Katolikismo) Vakas.

**Belgujo.**

**Bruxelles 3** (Brabant) FD. (Farmacio) S-ro René Jacobs, Farmaciisto, 94, rue Général Eenens.

**Britujo.**

**Bishop Auckland** (Co. Durham) VD. S-ro William John Nesbitt, Instruisto, 4, Clarence Villas.
**Cleethorpes** (Lincolnshire) D. S-ro Thomas William Gayfer, instruisto, „Wenhaston", 179 Clee Road.
**Southampton** (Hants) D. S-ro Amador Diaz, Arkitekto, 112 Oxford Avenue.
FD (Arkitekturo): La D.

**Ĉeĥoslovakujo.**

**Košice** (Slovensko) D. S-ro Alojz D. Kremer, Korektisto, Myslavská 9.
**Liberec I** (Bohemio/Čechy) D. S-ro Vojslav Pytloun, oficisto, I, Liliová 5.
FD (komerco): La D.
**Nová Paka** (Bohemio/Čechy) D. S-ro Taras Michal Bohun, Laboristo (ligno), Klašterni 633.
**Praha** (Čechy) D. S-ro Jaroslav Šustr, Vendejestro, Dlouhá 10.
**Prostejov** (Morava-kraj Olomoui) D. S-ro Antonin Jandik, Parohestro, Palac Keho tr. 13a.

**Danlando.**

**Lyngby** (Sjaelland) FD. (Skoltismo) S-ro Sejer Wilh. Holgersen, kasisto, Ejnarsvej 99.
**Nykøbing Sjaelland** (Sjaelland) D. S-ro L. E. Kromann Jensen, dogana oficisto, Kildestraede 11 A.
FD (doganaj kaj akcizaj aferoj): La D.
**Roskilde** (Sjalland) D. S-ro Karl Hansen, Laborkontrolisto, Larkevej 46.
VD: Vakas.
FD (muzika afero): La D.
**Sall** (Jutlando) D. F-ino Gudrun R. Jensen, Instruistino, Skolen.

**Francujo.**

**Champagne sur Vingeanne** (Côte d'Or) FD. (Abelbredisto). S-ino Marie Louise Dumay, Abelbredisto, Champagne sur Vingeanne.
**Cholet** (Maine et Loire) D: Vakas.
**La-Houssaye-en-Brie** (Seine-et-Marne) D. S-ro René-Jean Marmou, Romkatolika misiisto, Prieure Saint-Martin.

**Germanujo.**

**13b Reit im Winkl** (Oberbayern) D.: Vakas.
FD. (mondlingvoj): Vakas.

**Hispanujo.**

**Barcelona** (Barcelona) FD. (Instruado) S-ro Jaime Aragay Pujols, Profesoro, str. Sans 292, Bajos.

**Hungarujo.**

**Szentes** D. S-ro Ignàc Fekete-Nagy, Ĉef-inĝeniero, Pàva-utca 9.

**Italujo.**

**Bari** (Bari) D.: Vakas.
**Torino** (Torino) FD (Ĵurnalismo) S-ro F. Ramolfo, Ĵurnalisto, Via Matteo Pescatore no. 4.
**Varese** (Varese) D. S-ro Mario Simondetti, Inĝeniero, via Staurenghi no. 24.
VD: Vakas.
FD (Naturscienco): La D.

**Japanujo.**

**Hamamatu** (Sizuoka-ken) FD (studentaj aferoj) S-ro Jasuĵi Oohaŝi, studento de elektra fako, Hamamacu-ŝi Oiuake ĉoo 400, Sizuokadaigaku Koogakubu Hikumanorjoo.

**Malajo.**

**Singapore** D. S-ro Ralph L. Harry, Diplomato, Australian Commission, Corsley House, Robinson Road.

**Nov-Zelando.**

**Dargaville** (North Auckland) D: S-ro Brendon Clark, Instruisto, River Road, Mangawhare.
**Leigh** (Northland) D.: Vakas.

**Polujo.**

**Klodzko** (Dolny Slask) D. S-ino Halina Denenfeld, Muzikinstruistino, strato Holdu Pruskiego 11.
**Lowicz** D. S-ro Boleslaw Nowinski, oficisto, ul. Zdunska 34 m. 17.
**Nowa Sol** (Silezio-Slask) Ĉef-D. S-ro Roman Sakowicz, advokato, (Parafialna 3), Skrytka 26.
D.: La Ĉef. D.
**Opole** (Slask) D. S-ro Kazimierz Strzelecki, Oficisto/Instruisto, Maly Rynek 11/1.
**Poznan** (Wielkopolska) D. S-ro Jan Poplawski, Oficisto, Lukaszewicza 5, m. 6.
FD (Juro): S-ro Bogdan Miadowicz, Juristo, Jarochowskiego 30, m. 4.
**Pulawy** (Województwo Lublin) D: S-ro Kazimierz Domoslawski, emerito, Aleja Jednosci 14, Polska.
**Stalinogród** (Silezio): D. S-ro Pawel Kulozik, Oficisto, str. Wodna 3 m. 15.
VD: S-ro Witold-Jan Skop, Oficisto, Str. Stowackiego nr. 14/1.
**Stalowa Wola** (Woj. Rzeszów) D. Waclaw Kotlinski, Kontrolisto, ul. W. Wasilewskiej 7/11.
**Tczew** (Woj. Gdansk) D. S-ro Rudolf Lignarski, menslaboristo en P.G.R. Str. Sambora 15, Loĝ. 12.
**Torun** (Pomorze) D.: Vakas.
**Warszawa** D. S-ro Boleslaw Monkiewicz, Redaktoro, Pl. Inwalidów 3. m. 56.
VD: S-ro Mag. T. J. Michalski, Szwolezerow 4-81.
FD (Bankaj aferoj): S-ro Bronislaw Tuszkiewicz, Bankoficisto, str. Ursynowska 12. m. 3.
FD (Junularo): S-ro Jerzu Uspienski, Redaktoro, ul. Niemcewicza 17 m. 76.
FD (Kooperativismo): S-ro Jan Zawada, Redaktoro, ul. Pruzkowska 6.m. 286.
FD (Presado): S-ro Edmund Fethke, Presindustria Teknologo, Ul. Mianowskiego 6 m. 3.

**Rodezio.**

**Kitwe** D.: Vakas.

**Svedujo.**

**Ekshärad** (Värmland). D: Vakas.

**NOVA DUMVIVA MEMBRO:**

Charlet, S-ro Fernand, Mézières, Francujo.

## DONACOJ AL LA ĜENERALA KASO:

E. Malmgren, 13,30 gld.; E. J. Woessink, 5,— gld.; R. Zollinger, 51,68 gld.; C. Winchcombe 10,60 gld.

Firmigu la financan bazon de la Asocio per donacoj al la Ĝenerala Kaso! Pro necesa helpo al nepagipovaj landoj tio estas pli grava ol iam antaŭe.

## DONACO AL FONDAĴO-MONTEVIDEO:

N.N. 31,80 gld.;

## DONACOJ AL FONDAĴO-EKSPOZICIO:

A. Wesser, 3,77 gld.; Ges. Sly, 10,60 gld.; F. G. Blazquez, 2,88 gld.; C. Winchcombe 21,20 gld.

## ELEKTO KOMITATANOJ B

El 9 kandidatoj estas elektitaj la jenaj personoj: Prof. I. Lapenna, Kand.real. C. Støp-Bowitz, Fil.lic. Karl Söderberg, S-ro W. Auld, D-ro A. Albault.

## DONACOJ AL A.P.O.:

J. Derieuw, 4,25 gld.; M. Boulton, 10,60 gld.

Al ĉiuj donacintoj nian plej koran dankon.

## AL NIAJ KONTHAVANTOJ KAJ AL ĈIUJ ALIAJ, KIUJ FINANCE RILATAS KUN U.E.A.

Vi ĉiuj scias, ke pere de UEA niaj membroj povas facile fari pagojn al iuj ajn. Laŭ la petoj, ni kreditas unu, debetas alian kaj informas ambaŭ pri tio. Ni volonte faras tiun servon al niaj konthavantoj, sed ni devis konstati, ke tiu ĉi servo, kiun neniu banko aŭ alia instanco en la mondo faras senpage, signifas konsiderindan perdon por la kaso de UEA, pro la necesaj laboro kaj poŝtelspezoj. Tial, por povi daŭrigi sammaniere, ni estas devigitaj enkonduki **ekde la 1-a de septembro** la regulon, ke por ĉiu montransigo la petinto estos debetita per maklero de 0.50 gld. Tiu sumeto por la paganto ne povas esti malhelpo kaj por UEA ĝi estas helpo daŭrigi la servadon. Reciproke, se UEA petos iun konthavanton fari pagon por ĝi, same, ni kreditos la konton de tiu konthavanto per 0.50 gld. Ni ne dubas, ke ĉiuj interesitoj komprenos la korektecon kaj justecon de tiu ĉi aranĝo.

Same, ni konstatis, ke la kaso de UEA havis en la pasinta duonjaro konsiderindan perdon pro bankkostoj, kaŭzitaj de enkasigo de senditaj ĉekoj. Tial, ni estas devigitaj peti al ĉiuj, kiuj pagas al ni per ĉekoj, estonte ĉiam aldoni al la pagenda sumo 0.50 gld. por bankkostoj.

## NE SKRIBU AL LA ADMINISTRA OFICEJO DE 1/8 — 18/8.

**Oni bonvolu atenti, ke pro la Kongreso kaj pro ferio de kelkaj oficistoj la Administra Oficejo ne respondos al leteroj, nek traktos aferojn en la periodo de la 1-a ĝis la 18-a de Aŭgusto venonta.**

M. H. VERMAAS,
Administranto.

# ANONCETOJ

**La Groningena Esperanto Klubo** aranĝos en Septembro propagandan ekspozicion kaj afable petas materialon. Ĉiu ensendonto ricevos rekompencon. Adreso: S-ino L. de Vries-Kanning, IJsselstr. 41 B, Groningen, Nederlando.

**Nin interesas interŝanĝo de Sonbendoprogramoj,** variaj. Eŭropa aŭ Usona sistemo. Grundig TK 9. Rapideco: 9,5 centimetroj po sekundo. Esperanto-Societo de Uppsala, G. Norling, Hj. Brantingsg. 5A, Uppsala, Svedujo.

**Koresponda Servo Mondskala** havigas korespondantojn el pli ol 30 landoj laŭdezire. Skribu, indikante vian aĝon kaj aldonante respondkuponon, al: Daniel LUEZ, Boulevard Brossolette, LAON (Aisne), Francujo. Naciaj Esperanto-gazetoj bonvolu afable represi tiun ĉi anonceton.

**La Nova Kristaneco,** bazita je la doktrino de sveda sciencisto kaj reformanto Em. Swedenborg, enportas certan lumon en la homan animon pri la postmorta vivo kaj pri vera religio bazita je la Biblio kaj ĝia interna senco. Ĝi akordigas la religion kun la scienco. Postulu traktatojn senpage. Aldonu, se eble, resp. kuponon. Adresu: Jan B. Vlach, Luzjickà 21, Praha XII, Ĉeĥoslovakio.

**Fraŭlinoj** Gordana **Stojĉevska,** Puzaljka 3 kaj Ljubica **Stevkova,** Dimov 11, ambaŭ el Kumanovo, Jugoslavio, deziras korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo.

**Deziras interŝanĝi** poŝtkartojn kun la tuta mondo. Certe respondos. Fran Uhlir, Stanice ĈSD, Skuteĉ, Ĉeĥoslovakujo.

**Ĉiutaga gazeto de Moskva junularo** „Moskovskij Komsomolec" presis en la numero de 11-4-1956 alvokan leteron de kandidato de filologia scienco Grigorjev kaj studento de Moskva ŝtata universitato Uspenskij, pri studo de Esperanto kiel preparo al la VI Festivalo de Junularo kaj studentoj, okazonta **en** 1957, en Moskva. Moskvaj esperantistoj petas ĉiujn junajn geamikojn sendepende de politikaj konvinkoj, ideologiaj mondkonceptoj kaj religiaj kredoj, veturontajn Moskvon al la Festivalo, jam nun sciigi pri tio. La gejunuloj konatiĝu kun Moskvanoj jam nun antaŭ la Festivalo por poste veni al la Festivalo kiel bone konataj amikece kaj arde atendataj personaj gastoj. Skribu, kion vi volus vidi, viziti kaj fari ĉi tie, kiun helpon vi bezonus, kiujn proponojn kaj sugestojn vi havas, al la Redakcio de Moskovskij Komsomolec, Ĉestije prudij 8, Moskva.

**Metia lernejo** kun lernantoj en diversaj **fabrikoj,** havas grandan intereson kontakti similajn lernejojn en la tuta mondo. **Celo: interŝanĝi** spertojn el diversaj metioj, desegnaĵojn, planojn, pritrakti instruplanojn, instrumetodojn. Individuaj respondoj de unuopaj lernantoj kaj kolektivaj de tutaj klasoj. Nepre skribu **al:** W. Ranft, Freiligrath str. 4, Radebeul, Germanujo, D.D.R.

**Komercisto 20-jara** deziras korespondi kun junaj francinoj, plej volonte de Paris. S-ro Heinz Müller, Beurbarungstr. 25, (17b) FREIBURG (Breisgau), Germanujo.

**Framasonoj.** Solenaĵo okazos en Kopenhago la 5.8. je la 17-a en la Logio: ny Kongensgade 9. Por pluaj informoj turnu vin al C. Barthel, Frankfurt/M, Wöhlerstr. 14. Respondkupono petata.

**Vegetara Tendaro:** D-o Ari Tsagalos — Villa Le Palme Portoferraio — Elba — Italio. De majo ĝis oktobro 1956 kaj 1957. 27-hektara arbaro — pli ol 100 palmarboj.

**19 jara studento** deziras korespondi kun tutmondaj geesperantistoj. Respondo garantiita. Adreso: Bednarski Janusz, ul. Wolska 46/48 m 64, Varsovio, Pollando.

**Deziras korespondi** kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiuj landoj Alfred Mayer, Zeppelinstr. 35, (17a) Karlsruhe, Germanujo.

**Sinceran dankon** al s-anino Erna Johansson el Skövde kaj s-ano C. D. A. Capp el Londono pro afabla donaco de pasintjaraj jarkolektoj de „Esperanto" dum la tempo, kiam ne estis ebla la abonpago el Pollando — elkore esprimas mgr. mĝ. Zdjislaw Glajcar el Cieszyn.

**Poŝtmarkojn,** ĉiajn Sudafrikajn kaj Sudokcidentafrikajn, kaj noveldonitajn de Basutolando, Svazilando, Mozambiko, deziras vendi S-ro B. Kok, Public Library, Capetown, Sudafriko.

**Kiu sendos al** mi almenaŭ unufoje bele afrankitan bildkarton? Mi certe faros la samon: S-ro Charton René, 17 rue de Verdun, Moutiers (Meurthe & Moselle), Francujo.

**Kiu interesiĝas** pri enigmoj, diagramoj, simbolaj nombroj kaj astraj (zodiakoplanetaj) anoncoj kaj aspektoj sekrete signitaj en Malnova kaj Nova Testamento, tiu bonvolu skribi al: Zoltan Marenĉin parohestro, Chmelov, Ĉeĥoslovakujo.

**Studento, 24 j.** fraŭlo, deziras korespondi kun ĉiu pri ĉio. Volonte interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn. Adreso: Rajko Dimov, Angel Knĉev 77, Stalin, Bulgario.

**Muziko kaj.... ferio,** en „Kultura Domo", 19a Julio — 17a Aŭgusto. Tre malmultekosta restado. Informojn donos: Serres, 24 rue de Leningrad, Paris.

Presita en Nederlando ĉe Zwagers, Rotterdam